XIª jaro. Nº 170 (11) ☆ Duonmonata ☆ 20 junio 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0. 50 Fr. (0. 20 Sm.)**
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0. 40 Fr. (0. 16 Sm.)**
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0. 50 Fr. (0. 20 Sm.)**
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# LA PACO

## ĈU VI VOLAS ĜIN?

III

Feliĉe por certigi la internan pacon ne estas necesaj tiom multaj armitoj kiom por defendi la patrujon; kaj la polico kontraŭ krimuloj kaj ribelemuloj bezonas nek tiel multekostajn nek tiel ofte perfektigatajn mortigilojn kiel la militistaro. Tial, kvankam ebligante kontentigi la kompreneblan deziron de ĉiu registaro, konservi tiajn devigrimedojn, kiajn postulas ĝia esenca rolo, oni povas multe malpligrandigi ĝian armitecon.

Ni do studu pri malpligrandigo grava kaj samtempa en ĉiuj regnoj. Ĝi havigus gravajn profitojn ekonomiajn; sed malpligrandigo simile kiel malarmo ne malebligas militon. Tiom longatempe, kiam milito restos ebla, ĉiu regno prave deziros kompare pligravigi siajn fortojn.

Oni povas imagi diversajn formulojn de malpligrandigo.

Unue: malpligrandigo proporcia je la nuna milita forteco de l' regnoj; simile kiel armadhalto ĝi malebligus, ke la regnoj kiuj facile povus sin plifortigi, agu tiel. Do tiuj regnoj ne povas akcepti malpligrandigon proporcian je la nuna milita forteco.

Ĉu la regnoj povus konsenti pri malpligrandigo proporcia je la maksimumo da forteco atingebla de ili?

Antaŭ ol respondi, ni rimarku, ke tiu maksimumo ne estas precize difinita: en la kuro al ega armiteco ĉiu regno emas malakceli sian rapidecon pro la doloroj kaŭzitaj de ega armiteco, male, ĝi emas akceli ĝin laŭ sia timo je la konsekvencoj de ĝia ebla venkoteco kaj laŭ la verŝajneco, ke aliaj regnoj kuraĝus militi kontraŭ ĝi, igi ĝin suferi la doloroj nedisigeblajn de milito, ĉu venka, ĉu malvenka. Kaj multaj cirkonstancoj influas tiun verŝajnecon: nova milito kiu plifortikigas unu amikon aŭ male, ŝanĝoj en la regnaj amikaroj, eĉ nur supozata emo de iu regno forlasi ĝian amikgrupon, kaj aliaj tiaj faktoj, kiujn oni ne povas matematike esprimi, kaj kiujn la regnoj pro malaj siaj politikaj interesoj neniam unuanime taksos, dum ne estos garantiita la paco. Do, ne nur la maksimuma forteco atingebla de unu regno dum iu tempero estas malfacile kalkulebla, sed ankaŭ ĝi ŝanĝiĝas tiel rapide kiel la cirkonstancoj politikaj en nia neorganizita regnaro. Pro tio, se iam mirige ĉiuj regnoj konsentus pri unu takso, pri unu nombresprimo de sia maksimumo de forteco, la morgaŭan tagon oni devus refari la kalkulon; ĉiutage okazus nova ebleco de malkonsento.

Do vere ni devos atendi longatempe ĝis unu daŭra sukceso de malpligrandigo grava kaj samtempa.

Tio devigas nin studi aliajn ol la rimedoj proponitaj.

Malpligrandigo grava kaj ununacia?

Por la regno, kiu akceptus ĝin, ĝi same kiel la jus studita havigus gravegajn profitojn ekonomiajn.

Sed ĝi ne forigus militon. Kompreneble se la registaro nepre ne volas militon, ĝi ne trudiĝos al ĝi: se iu regno volas obei ĉiajn ajn postulojn de la aliaj, justajn kaj maljustajn, tiuj ne batalos kontraŭ ĝi; ĝi iom post iom perdos sian nedependecon, eble eĉ estos aneksata, parte aŭ tute, sed oni ne militos kontraŭ ĝi. Se la regno, kiu akceptis ununuran malpligrandigon gravan, volas malgraŭe, ne cedi je ĉiaj ajn voloj eksterregnaj, ĝi kelkfoje devos batali por defendi siajn rajtojn, pli ofte ol se ĝia militistaro estus potenca, timiga, apenaŭ venkebla.

Do tiu rimedo tute ne forigus militon, eĉ ŝajne ĝi efikus male; oni eble kontraŭdiros, ke la rapida sukceso, la mallongeco de l' militoj entreprenitaj de tiu regno, por defendi

siajn interesojn, kompensas ilian oftecon; mi konsentas; sed almenaŭ oni ne pravus aserti, ke tiu rimedo malpligravigus atentinde la militadon.

Plie, la tre malgravaj fortoj de l' regno akceptinta ĝin, ne estus kapablaj, fortimigi la dezirojn de l' aliaj, trudi al ĝi volojn nejustajn siajn; ĝi eĉ malgraŭ siaj defendaj militoj perdus malmultope sian tutan sendependecon. Pro tio, aprobo al tiu rimedo postulas indiferentecon pri la interesoj de l' patrujo; do ĝiaj partianoj povos plimultiĝi nur tre malrapide.

Nun ni devus esplori pri malpligrandigoj negravaj, ĉu samtempa, ĉu ununacia; verŝajne pri ili la konkludoj estus tre similaj je tiuj, kiujn ni trafis pri armadhaltigoj; tial ni ilin ne atentos, ni tuj direktos niajn rigardojn al tute malsimilaj rimedoj.

* * *

*Ribelismo.*

Kelkaj por devigi sian registaron, ke ĝi klopodu tiel ke neniam okazu milito de ĝia regno, minacas ke se tia milito okazus, ili ribelus por forigi tiun registaron kaj refari la pacon. Tiun opinion mi nomas ribelismo pacocela.

Iuj partianoj de tia konduto ne aprobus ĝin ĉiaokaze, sed komence ni atentu nur pri ribelismo pacocela senescepta.

Ĝiaj aprobantoj estas mallogikaj, se ili ne estas indiferentaj pri la nedependeco de sia regno, ĉar ilia ribelo, se milito okazus, multe riskus alporti malvenkon al ĝi.

Efektive eĉ se ili estus certaj, ke ambaŭflanke de l' landlimoj ribeloj kontraŭmilitaj okazus, ili tamen ne scius, ĉu ambaŭaj sukcesoj estos egalaj. Se en la kontraŭa regno la ribelantoj estas rapide superataj de l' registaro, tiam tiu registaro disponos ĉiujn siajn fortojn por la internacia batalado, dum ilia devos ankoraŭ kontraŭstari du malamikojn: internan kaj eksteran. Eble ĝi fine sukcesos kontraŭ la ribelintoj, sed jam estos suferinta pro ili malvenkon kontraŭ la eksterregno.

Do dummilite se ni volas, ke nia regno ne malsukcesu, ni ne ribelu tiam kontraŭ ĝia registaro.

Tiel, ribelismo pacocela senescepta estas tre malfacile propagandebla, ĉar povas akcepti ĝin nur tiuj, kiuj apenaŭ deziretas la nedependecon de sia patrujo.

Aprobo al tiu rimedo postulas indiferentecon pri patriotismo ne nur pro ĝiaj rezultatoj dummilitaj sed ankaŭ, kaj multe pli, pro ĝiaj konsekvencoj pactempaj.

Efektive se tiu opinio estas sufiĉe multe disvastigita en nia regno, ĝi efikos, ke nia registaro ne nur ne militos por trudi postulojn nejustajn siajn, ĝi ankaŭ kelkfoje preferos kontentigi volojn maljustajn de alia regno ol suferi samtempe la dolorojn de milito kaj de ribelo.

Ĉu tio estas vere ĝojiga rezultato?

Se oni scias, ke nia regno nepre volas ne uzi la armilojn por defendi tion, kio ĝiaopinie estas ĝia rajto, komence oni postulos, ke ĝi forigu la limimpostojn, kiujn ĝi starigis por protekti nian komercon, kaj tamen oni ne havigos al ni interŝanĝe la profitojn kompensecajn de la reciproko.

Poste aliaj regnoj por pligrandigi sian eksportadon deziros, ke ni ne plu konkurencu ilin; nia registaro devos ekestigi leĝon, kiu malpermesas kun efikaj punoj, ke ni eksportu niajn produktojn.

Poste, se la alilanduloj, kiuj vivas sur nia lando, ekatentas, ke niaj leĝoj estas malmulte konformaj je ilia temperamento, ili petos sian regnon, ke ĝi postulu, ĉu ke tiuj leĝoj estu ŝanĝataj, ĉu almenaŭ, ke oni favoru ilin per jura stato simila je tiu, kiun starigis la kapitulacioj.

Ĉu oni scias kie haltus la postuloj de l' eksterregnoj, se ili povus supozi, ke ni volas la pacon je kia ajn prezo?

Prave oni asertus, ke oni devas, celante eviti militon, kelkfoje cedi en malkonsento internacia, kvankam en ĝi oni opinias esti prava; tia decido estas inteligenta nur se oni supozas, ke ĝi ne estos komprenata kvazaŭ ekapliko de ĝenerala estonta kondutregulo, kvazaŭ pacocela nepra forlaso de ĉia ajn deziro resti nedependa.

Regno malpravege decidus, ke ĉiam ĝi preferos la pacon ol militon kontraŭ malgrava postulo de l' eksterregnoj. Mi tuj klarigos mian ideon per analogiaĵo.

Ni imagu, ke same, kiel ekzistas nek deviga juĝantaro, nek polico superregna, ankaŭ ekzistus nek tribunalo, nek ĝendarmaro por certigi iujn rajtojn de l' regnanoj. Ni supozu, ke en tiaj anarkiaj cirkonstancoj, ĉiu scias, ke Joĉjo decidis ke, ĉiufoje kiam oni postulus de li ne pli ol kvin frankojn unuope, li cedos je minacoj de fortuzo prefere ol batali. Baldaŭ unu aĉulo venos ĉiutage postuli de li kvin frankojn; dek minutojn poste dua malbonulo imitos lin; jen tria, kvara..., deka...; tiel baldaŭ malgraŭ sia riĉegeco Joĉjo ne plu eĉ povos kontentigi la multegajn malgravajn postulojn, kiujn li emas toleri.

*Male* ol forigi militon, mi ofte aŭdis diri, ribelismo pacocela okazigus dum milito, unu ribelon: alian militon internan.

Post pripenso tiu argumento perdas iom da sia ŝajne ega graveco; efektive se la ribelismo senescepta estus sufiĉe disvastigita en iu regno kaj se la registaro tiea konus ĝuste ĝian disvastecon, certe ĝi multe pli emus cedi je la postuloj de l' aliaj regnoj; tio evitus kelkajn militojn, kiuj aliasupoze okazus pro negravaj interesoj; eble tiu konsekvenco kompensas tion, kion ribelo preterdonus al la teruroj de l' interregna milito en cirkonstancoj, kiam la registaro taksus ke, malgraŭ la ribelo, ĝi devas akcepti la bataladon.

Sed ni ne forgesu ke, se pro nia ribelismo, la registaro evitus militojn pri negravaj kaŭzoj — baldaŭ la popoloj eksteraj efikigos kontraŭ ĝi postulojn nejustajn siajn.

Do, eĉ se ribelismo pacocela kompensus la terurojn de ribelo per evito de militoj pri negravaj malkonsentoj, ĝi igus obei postulojn nejustajn pli kaj pli oftajn.

Tamen, se la pacribelismo disvastiĝas egalpaŝe en ĉiuj regnoj, la aliaj regnoj ankaŭ cedos en la malkonsentoj kies kaŭzo ne estas grava. Tiel, pri ĉio duagrada daŭros la *statu quo*, pri ĉio tia neniu regno ekmilitos por trudi sian volon, ĉesigi la konduton malagrablan de l' alia.

Sed la regnoj cedos je l' aliaj pro timo je ribelo nur, kiam la interesoj koncernataj estas sufiĉe malgravaj. Eĉ en cirkonstancoj, kiuj certigas malsukceson, oni pravus batali por ke la doloroj, kiujn kaŭzos je la malamiko tiu batalo, emigu lin ne plu sentime ekspluati senlime nian malfortecon.

Tial, se la ribelemo pacocela estas disvastigita neegale en la diversaj landoj, iuj cedos pri temoj sufiĉe gravaj, aliaj nur pri temoj malgravaj. Tiuj estos malutilataj profite al ĉi-tiuj.

La reokazado igas pacribelismon tre doloriga, tre malutila je la regno kie plej multe ĝi estas disvastigita.

Por ke tia opinio estu akceptebla, estus necese, ke ĝi estu ribelismo kondiĉa, kiu naskus ribelon nur se la milito koncernas rilatojn, kies graveco estas malpli grava ol iu maksimumo tia, ke en ĉiu lando iu ajn malkonsento, kiu ne ĝisampleksas tiun maksimumon ne estas sufiĉa por militigi la tiean registaron.

Eĉ ne estas necese, ke tiu maksimumo estu ununura, ĝi devas nur esti egala pri cedoj de K je F kioma pri cedoj de F je K. Tio signifas: ne plu minaci per ribelo jam kiam la postulo de l' alia regno envolvas interesojn, kies graveco pretervaloras tiun de l' interesoj koncernataj de ĉiu ajn malkonsento pri kiu tiu regno cedis je nia.

Por ebligi evoluadon, progreson militforigan oni povas dolĉigi tiun formulon, korektante la verbon pretervaloras per la vorto atentinde.

Sed ni ne elvojiĝu, la senesceptan ribelismon pacocelan ni estas studantaj, opinion, kiu minacas je ribelo kontraŭ milito senatente pri la kialo de la milito, senatente ĉu tia ribelo okazus en reciprokaj cirkonstancoj en la kontraŭa regno.

Ni jam konstatis, ke en la regnoj, kie ĝi estus plej multe disvastigita ĝiaj konsekvencoj dummilitaj tre verŝajnaj kaj ĝiaj rezultatoj pactempaj vere certaj estas tiaj, ke nur homoj plej ege indiferentaj pri la interesoj de sia patrujo povus aprobi ĝin.

Ni ankaŭ konstatis, ke, se en unu regno la anoj de tiu opinio estus multegaj, tio forigus preskaŭ ĉiukaŭzajn militojn, kaj milittempe ilia potenco verŝajne igus la ribelon sukcesi facile, ne kaŭzante multe da sangverŝo: tiam do, ĝi vere efikus al forigo de milito.

Tamen por atingi tiun konkludon ni devas supozi, ke pro la sukceso de l' ribelintoj la milito haltos.

Kaj ni ne imagu, ke se ĝi estus ege disvastigita, pacribelismo pacocela senescepta forigus ĉiukaŭzajn militojn; efektive, se pro ĝi la postuloj nejustaj de l' eksterregnoj iĝus tre, oftaj kaj tre gravaj, ili naskus en la registaro kaj la patriotoj koleron freneziĝan tian, ke ili venĝus en batalado senkompata kaj senespera la dolorojn troajn, kiujn al ili trudis iliaj samnaciaj ribelemuloj.

Ribelismo paccela senescepta *ne forigas armitecon, male* se tia opinio estas pli disvastigita en unu regno ol en aliaj, la tiea regantaro se eble plimultigos sian dumpacan armilularon kaj provizos ĝin je kiel eble plej perfekta kaj kompleta ilaro. Tiel, kaj utiligante la spertojn tiajn, kiajn instruas la ekzemploj, kiujn mi citis por montri, ke senarmileco ne forigas militon, ĝi pli facile sufokos la ribelon tuj komence, kaj se pri tio ĝia sukceso ne estas rapida, ĝia militistaro estos taŭga por venke kontraŭbatali samtempe la internan kaj la eksteran malamikojn.

Sed emo ribeli por trudi al la registaroj, ke ili forigu parte sian armitecon povas iacirkonstance sukcesi. Tamen por ke tia opinio efiku, la ribelo, kiun ĝi minacas, devas esti verŝajna kaj potenca tiom pli, kiom pli malagrablaj je la registaroj estas ĝiaj postuloj.

*(Daŭrigota.)* *F. Brossier* (Paris).

 SOCIA VIVO 

## La ŝtonfiguroj de l'„Paska" insulo

Ke jam antaŭ ĉirkaŭ dekmil jaroj ekzistis sur nia tero, sur la de tiam malaperinta kontinento „Atlantis", progresinta kulturo, tio hodiaŭ jam estas tute certa.

Eĉ antaŭ la malkovro de Atlantisaj vazoj inter la ruinoj de Troja (de Schliemann la pliaĝa) oni jam preskaŭ kun tuta certeco povis konkludi je la ekzisto de tiu ĉi prahistoria kontinento antaŭ la superakvega periodo kaj je ĝia loĝantaro, interalie ankaŭ laŭ jenaj mirindaj ŝtonmemorajoj, pri kies deveno kaj destino la scienco ankaŭ hodiaŭ scias nenion certan, kaj kies grandecon la spirito de l' nuntempa homo ne povas koncepti.

Kiamaniere scipovis la prahomoj starigi tiajn kolosojn rokajn? La Stoneheng'aj ŝtonkolonoj estas 5,5 metrojn altaj, 2,5 metrojn larĝaj kaj po 100,000 kg. pezaj, la Cornwallis'a granda „dolmeno" pezas 750,000 kg. kaj la statuoj en la Mezazia Bamia' povas esti ankoraŭ eĉ pli pezaj. El tiuj la plej granda mezuras 173 futojn (60 metrojn), do ĝi estas je 70 futoj pli alta ol la Nov-York'a liberecmonumento!

Kiaj grandeguloj povis esti tiuj ĉi terloĝantoj de antaŭ centmiljaroj! Aŭ ĉu eble ili eĉ ne estis tiel grandegaj, sed nur konis la sekreton, kiamaniere oni povas haltigi la altirforton de la tero, senpezigi la korpojn? Heleno Blavatsky, la granda teozofa apostolino opinias, ke tiam vivis sur nia tero grandeguloj altaj 21 futojn. Sed Sinett ankoraŭ vivanta angla teozofo, siaparte prefere opinias, ke la prauloj per okultaj fortoj simple forigis la pezon de la korpoj kaj poste eĉ unu sola homo kapablis pilkludi per ŝtonbloko pezanta kelke da centfuntoj.

Kiu el ambaŭ teozofoj estas prava, tion oni hodiaŭ ankoraŭ ne povas decidi. Estas fakto, ke tiuj ĉi kolosaj ŝtonmonumentoj ekzistas kaj laŭte anoncas la praecon de tero, sed samtempe ankaŭ ĝian pereemecon.

El la malnovaj ŝtonmemorajoj eble la plej interesaj estas tiuj, kiuj ekzistas sur la tiel nomata „Paska" insulo troviĝanta en la Pacifika Oceano. (La insulo estas malkovrita dum paska dimanĉo en la jaro 1687.) Tiu ĉi insulo troviĝas 2000 mejlojn okcidente de la Sudamerika kontinento kaj el ĝia malproksima, malapuda situacio geografia klariĝas, ke la mondo apenaŭ konas ĝin, kvankam tiuj ŝtonstatuoj, kiujn oni tie ĉi trovis, kaj kiuj ne similas iun ajn alian praŝtonmonumenton, estas unu el la plej grandaj enigmoj de la tero.

Sed ni pririgardu unue la insulon mem; tio per si mem estas ankaŭ sufiĉe interesa. La „Paska" insulo ne estas granda. Ĝi estas nur 13 mejlojn longa kaj 7 mejlojn larĝa. Ĝiaj montoj estas estingiĝintaj vulkanoj, kaj la plej alta pinto superas la marnivelon je 1700 futoj. La materialo de la ŝtonegoj konsistas el lafo kaj cindro, sed en tia prahistoria kunmikso, ke oni ne ankoraŭ povis fiksi la epokon de ilia deveno. Molaj kaj malmolaj ŝtonajoj dense kuniĝis kaj pro la efiko de la veteraj influoj rapide disiĝas, precipe ĉe la bordoj, kie konstante grandaj ŝtonbuloj faladas en la maron. El tia fakto oni povas ankaŭ pri tio konkludi, ke iam tiu ĉi insulo estis multe pli granda, ol nun. Ekzistas du grandaj krateroj sur ĝi: la Rana Kao kaj la Rana Roraka. Ŝajnas, ke el ilia lafaro kaj cindraro fariĝis iam la insulo. Poste, dum la funkciado de la vulkanoj maldaŭris, la maro kovris la lafaron per dika tavolo de ŝlimo, poste pli malfrue, kiam la vulkanoj ree ekfunkciis, ŝajnas, ke vera ŝtonpluvo kovris la supron de l' insulo. Estas interese, ke ekzistas sur la insulo eĉ pluraj tiaj kavernoj, kuŝantaj alte super la plej alta nuna akvonivelo, en kiuj oni trovis marajn konkojn; do la insulo, aŭ parto de ĝi, iam kuŝis sub la mara nivelo. Sed kiam, ĉu antaŭ la konstruado de l' grandaj statuoj, aŭ ĉu poste, tion oni povus konstati nur post pli precizaj geologiaj esploroj, el kiuj oni ankaŭ povus fari kelke da konkludoj pri la aĝo de l' statuoj.

La unua loĝantaro de l' insulo estas mezkleraj Polinezianoj, kiuj en la epoko antaŭ la malkovro de l' insulo staris sur ankoraŭ pli malalta ŝtupo de la kulturo. Estas menciinde, ke en la tempo de l' malkovro la praloĝantaro konstruis el junkoj kaj karikoj siajn kabanojn kaj absolute ne konis la arton de ŝtonfendado kaj ŝtonskulptado. Antaŭ 100 jaroj kelkmiloj da homoj estis loĝantaj sur la insulo, sed de post ĝia malkovro, ĉu pro variolo importita de Europanoj, ĉu pro la sklaviga negocaĉo de Peruanoj, ilia nombro malaltiĝis ĝis 150 kapoj, kiuj sub gvidado de kelke da Amerikanoj bredas ŝafojn pogrande..

Tia estas la unua stato de l' insulo. Ni esploru nun ĝiajn misterajn ŝtonstatuojn.

La bordojn de l' insulo ĉirkaŭas grandaj artefaritaj ŝtonamasoj 100—500 futojn longaj kaj 10—15 futojn larĝaj. Restajoj de grandega muro. La flankoj direktitaj al la maro de tiuj muroj estas konstruitaj el kelkioke mil kilogramojn pezantaj ŝtonblokoj same tiel strangmaniere, kiel ni tion povas konstati ĉe la greklandaj Ciklop'aj konstruajoj, kiuj — laŭ la legendo — estas konstruitaj de gigantoj de l' plej prahistoria epoko. Tiajn konstruajojn oni trovis ankaŭ aliloke, kaj el ili la Peru'aj estas plej perfekte ellaboritaj. Tiu ĉi stranga

konstrumaniero, karakterizanta la plej malnovan periodon de l' Mondo, certe devenas de potenca popolraso, kies posteuloj disvastiĝis en ĉiuj anguletoj de l' Mondo. Kie estiĝis unue la Ciklop'a konstrumaniero, tion ni ja ne povas diri. Ne estas certe, ke ĝuste tie, kie oni trovas tiajn plej perfektajn murojn, t. e. en Peruo, ĉar ne estas verŝajne, ke la konstruarto de l' tieaj Ciklop-muroj tie sur la scenejo mem povis evolui tiel perfekte. Estas plej verŝajna tiu supozo, ke la konstruarton de l' multnombraj en diversaj mondpartoj trovitaj Ciklop-muroj la malnovaj popoloj ellernis de komuna prapopola gento, el kio siavice oni povas konkludi, ke la homa raso jam de post tre longa tempo civiliziĝis, eĉ de post pli longe, ol ni tion povas imagi.

Unuvorte, tiaj Ciklop'aj muroj borderas la insulon en ĉirkaŭe 150 apartigitaj amasoj. Sur tiuj ĉi murpiedestaloj staris antaŭe tiuj el unu ŝtonbloko elskulptitaj strangaj statuegoj, kiuj donis al la insulo tian apartan tipon. Nuntage eĉ ne unu sola statuego staras plu sur la bazmuroj; ĉiuj estas renversitaj, kaj la plimulto da ili dispeciĝis. Eĉ la muroj mem plejparte jam estas nur rubaro. Potencaj tertremoj renversis ĉi tie trae la ŝtonmonumentojn. Oni kalkulis sur la insulo entute 550 statuojn. Ili atingas altecon de 3 ĝis 70 futoj, kaj ilia pezo varias inter 40 ĝis 1000 centfuntoj popece. Ili konsistas nur el vizaĝo kaj iom da busto, dum ilia dorso estas glate skulptita, kvankam oni ankaŭ tie ĉi, ĉe kelke da ili, malkovris kelke da simbolecaj signoj skulptitaj, kiuj dum la daŭro de l' tempo forviŝiĝis. Du malgrandaj tiaspecaj statuoj estas nun starigitaj ĉe la ĉefenirejo de l' Brita Muzeo. Ĉe unu el ili sur la dorso estas videbla cirklo kun centra punkto kaj apude kruco, kio sufiĉe pruvas la praecon de tiuj ĉi religiaj simboloj. Ili verŝajne simbolas la Sunon.

Kiel ni menciis, la tertremegoj renversadis ĉiujn monumentojn ornamintajn la bordojn de l' insulo, sed strange, en la mezo de la insulo ankoraŭ staras vertikale granda amaso da tiaj statuoj proksime al la minejoj, kie oni elskulptadis ilin. Tiuj ĉi minejoj estas sur la deklivoj de kratero nomata Rana Roraka, kaj je ili oni tre bone povas observi la efikon de l' iama funkcio de l' vulkano. Ĉiu post-signo sur ili pruvas, ke tie ĉi subite devis ekhalti kaj la laboro de la homaro kaj ĉiu vivo, ĉu pro neatendita vulkana erupcio, ĉu pro mara superakvego. Sub la minejoj staras granda grupo da supren altiĝantaj statuoj, kies bazo profunde eniĝis en la teron. Ilin rigardante stariĝas vere amaso de demandoj. Kial devis la statuoj ankaŭ tie ĉi en la proksimeco de l' minejoj vertikale stari? Eble tie ĉi oni prijuĝis ilian ellaboraĵon. Poste oni verŝajne, kuŝiginte ilin horizontale, ekspedis ilin de tie ĉi plurajn mejlojn malproksimen. Ĉu tio estis facila afero? Kaj kiamaniere do tio okazis? Oni trovis eĉ ne la plej etan rememoraĵon de kiu ajn rimedo transporta, kvankam la ekspedado de tiaj grandegaj ŝtonblokoj kaj ilia starigo kaŭzus eĉ al la modernaj inĝenieroj sufiĉe da cerbumado! Malgraŭ tio estas tute certe: tiuj antikvaj homoj sufiĉe longatempe konstante kaj ŝajne facile daŭrigis tiun ĉi metion. Ja ili eĉ surmetis sur la kapon de kelke da tiuj ĉi statuoj ĉapeletojn pezantajn 2—3000 kg!

La ŝtonmaterialo de l' statuoj konsistas el trahito, la plej malmola speco de lafo. La ĉapeloj estas skulptitaj el alispeca ruĝkolora lafo, kaj la ŝtonojn, por ilin fabriki, oni ekspluatis en alia parto de l' insulo. Ankaŭ en tiu ĉi minejo oni povas diferencigi ĉapelojn aŭ kronojn en diversaj formoj de ilia elfarado. Per kiaj instrumentoj ili levis tiujn ĉi ŝtonpecojn pezantajn 20—30 centfuntojn sur la kapon de l' statuoj, ankaŭ pri tio ni scias absolute nenion.

Alia interesa cirkonstanco estas la frapanta simileco, ekzistanta inter la unuopaj statuoj. Ŝajnas, ke ili ne estas skulptitaj laŭ la individua gusto de l' skulptistoj, sed ili aŭ favoris tradician figuron, aŭ volis certan personon multfoje figuri. La vizaĝo de ĉiuj 550 statuoj nur tre malmulte diferencas unu de alia. Ĉu ili estas idolaj figuraĵoj, aŭ homaj vizaĝportretoj? En la lasta okazo kreis ilin tia homa raso, kiu diferencas ne nur de ĉiu nun vivanta monda homraso, sed ankaŭ de ĉiu ĝis nun ekkonita prahistoria homa raso.

Sed ne nur tiuj ĉi ŝtonstatuoj parolas sur la insulo pri la tempoj prahistoriaj. Troviĝas sur ĝi ankaŭ granda nombro da krude konstruitaj kabanoj. Sed strange ili ne ŝajnas esti samepokaj kun la ŝtonstatuoj. Tion atestas ne nur ilia ordinara pli malalta kultura konstrumaniero, sed ankaŭ tio, ke iliaj enirejoj estas tiaj malgrandaj, ke tra ili ankaŭ nuna homo nur kliniĝante, aŭ rampante sur la piedoj kaj manoj, povas eniri. Ankaŭ ilia materialo konsistas parte el ŝtonoj forprenitaj de la Ciklop'aj muroj. Aliparte estas rimarkeblaj sur kelkaj el la ŝtonoj de tiuj ĉi kabanoj tiaj strangaj hieroglifoj, el kiuj oni tamen povas konkludi je iom pli alta kulturo, kaj al kiuj similajn oni ankaŭ nenie povas trovi. Oni povas diferencigi en tiuj certe kunapartenantaj skribaĵoj fiŝojn, birdojn, bestojn kaj aliajn figurojn, kies signifon ĝis nun neniu sukcesis diveni.

Antaŭ kelke da monatoj refoje ekskursis angla sciencula societo sur la Paska-insulon. Eble ni aŭdos ankoraŭ ion el iliaj esploroj pri tiuj mirindaj pramemoraĵoj.

*Tordai Vilmos.*

Trad.[1] *Stefano Schulz* (Del. Kassa).

## La koloniigo en Rio Grande do Sul

Kie senfina praarbaro ekzistis antaŭ ankoraŭ ne cent, ja antaŭ malmulte da jaroj, oni ekvidas nun en Rio Grande do Sul[2] konstruaĵojn sur herbejoj kaj fruktoportajn kampojn kun agemaj homoj; tie estas la terkultur-kolonioj kaj koloniistoj.

Estis imperiestro D. Pedro I, kiu iniciatis la koloniigon de Rio Grande do Sul, kie li posedis apud la nuna urbo São Leopoldo faktorion; en 1824 li instalis krom 26 familioj 17 fraŭlojn, kiujn li estis veniginta el Germanujo. Li ordonis dividi la faktorion laŭ areoj de 220 m da larĝeco kaj 3520 m da longeco t. e. 77,44 hektaroj, parte praarbaro por agrikulturo, parte herbejo por bredado.

Tian terspacon oni nomis kolonio, kaj ĉiuj kolonioj kune formis la fonditan kolonidistrikton, nomitan São Leopoldo pro la imperiestrino Da. Leopoldina. Ĉiu kolonidistrikto estas dividita en vilaĝo kaj trahakejoj. Vilaĝo konsistas el terapartaĵoj por estonta domo kun ĝardeno. Trahakejo prezentas du vicojn de kolonioj, inter kies frontoj pasas veturebla strato. La tutaĵojn estras la direktoro, nomita de l' ŝtata prezidanto, kaj ricevanta instrukciojn de l' sekretario de l' publikaj laboroj; tamen la kolonioj fariĝas poste memstaraj komunumoj.

La supre cititaj enmigrantoj estis kontrakte varbitaj de brazila komisario en Bremen. Ili estis senpage vojaĝintaj kaj fariĝintaj brazilaj civitanoj depost sia alveno. Ĉiu, tiel familiestro, kiel fraŭlo, ricevis kolonion kiel nedependan, tamen nur post 10 jaroj vendeblan, propraĵon. Krom tio la registaro donacis al ĉiu koloniposedanto ĉevalojn, bovinon, porkojn ktp., eĉ ĉiun tagon po 40 sd. dum la unua, 20 sd. dum la dua jaro.

La unua kolonio komenciĝis apud la maldekstra bordo de l' rivero Sinos, kie la prospera urbo São Leopoldo hodiaŭ sidas. Malgraŭ siaj laŭleĝaj dokumentoj de propraĵo kelke da tiamaj koloniistoj komence suferis pro terprocesoj

[1] El „Pesti Hirlap", Budapest.

[2] La plej suda ŝtato de Brazilio, najbara kun Urugvajo.

kun apudloĝantoj, en kies teron la registaraj termezuristoj eniĝis. Fine, ĉiuj malhelpoj kun la tempo estis venkataj de l' enmigrantoj per agemo kaj persisto. La iama kolonidistrikto fariĝis la grava komunumo São Leopoldo kaj servis al postaj kiel modelo. Ĉi-tiu komunumo havas 34.000 loĝantojn, inter kiuj estas 8000 urbanoj; la plimulto de l' aliaj sin okupas je kolonikulturo.

La tuta koloniteritorio havas 400.000 loĝantojn proksimume. Ĝia ĉefa parto etendiĝas nordoriente ĝis Tres Forquilhas, norde ĝis Alfredo Chaves kaj okcidente ĝis rivero Jaguary en la rivera teritorio de l' Uruguay, plejparte sekvante la fruktodonajn regionojn norde de rivero Jacuhy. Ekstere sidas la kolonidistriktoj São Lourenço kaj São Feliciano en la orientsudo. La plej citindajn distriktojn prezentas São Leopoldo, Santa Cruz kaj Caseias, kiuj fervoje komunikas kun la ĉefurbo Porto Alegre.

La koloniloĝantaro plejparte devenas de italaj kaj germanaj enmigrantoj, ĉar eksterlanduloj ekzistas nur malmultaj sur la kolonioj pro la ne multnombra enmigrado. Tamen de ne longe alvenas pli da eksterlanduloj tien, kaj ŝajnas, ke ankoraŭ multaj postvenos. Oni renkontas ankaŭ luzo-brazilan idaron kaj aliajn naciulojn, sed preskaŭ neniujn portugalojn, kiuj aliloke en Brazilio estas la plej oftaj eksterlanduloj.

Malgraŭ sia laborplena vivado la koloniistoj estas kontentaj je sia sorto, konsciante, ke ĉi-tiu ne povas aliloke pli favori ilin. Ili formas la konservativan loĝantaron, ilia idaro ankaŭ restas plejparte fidela al la kolonio. Cetere kelkaj inter la filoj, kiuj lasis la gepatran profesion, fariĝis eminentaj viroj. D-ro Lauro Müller, la nuna ministro de l' eksteraj aferoj de la respubliko, estas ido de gekoloniistoj de Santa Catharina.

Konvinkiĝinte, ke la ekonomia progreso de l' ŝtato dependas antaŭ ĉio de l' koloniistaro, la registaro helpas laŭpove al la kolonidistriktoj per instalo de lernejoj, plibonigo de stratoj, faciligo de riverveturo, ktp. La klimato ne povas esti pli favora por agrikulturo ol en Rio Grande do Sul, kie oni povas labori dum la tuta jaro sur la kampo kaj ĉiutempe lasi la brutaron sur la paŝtejo.

La grundo estas plejloke humoriĉa kaj povus multepli produkti ol ĝis nun, sed la koloniistoj mastrumas nur nevigle, krom tio sen modernaj maŝinoj. Malgraŭ tio la lasta jarprodukto sumiĝis je 70,000,000 Sm. proksimume. Oni kulturas preskaŭ ĉiujn plantojn de l' mezvarma zono, pleje maizon, maniokon, tabakon, rizon kaj fazeolojn. Terpomoj estas rikoltataj du fojojn dum la jaro. Krom tio porkgraso, vino kaj brando el sukerkano prezentas altajn valorojn. Ĉiuj produktajoj escepte tabako estas enlande konsumataj.

La konsumo de teks-, fer- kaj aliaj bezonaĵoj jam havas signifon. Preskaŭ ĉiuj komercejoj ne nur vendas la diritajn aĵojn, sed ankaŭ aĉetas produktaĵojn de l' kolonioj. Oni renkontas komercistojn, kiuj multe influas la loĝantaron kaŭze de sia granda spezo. Ne mankas ĉiuspecaj metiistoj, farejoj de maniokfaruno, brando, vino, tabuloj, brikoj kaj veturiloj, muelejoj, rafinejoj de porkgraso ktp.

La vivado estas iom unutona en la kolonioj; kontraŭe ne en la vilaĝoj, kie oni povas kontentigi pli altajn pretendojn, precipe se fervoja aŭ vaporŝipa komunikiĝo ekzistas al aliaj urboj.

Krom la antaŭe citita zorgo de l' ŝtata registaro pri la kolonioj, la federala registaro favoras almigradon por disvastigi la terkulturon en la tuta respubliko, varbigante eksterlandajn malriĉulojn, precipe el la laboristaro, por loksidigi en la koloniteritoriojn. Kiam tiaj varbitoj alvenas en Rio de Janeiro, la tiea enmigranta oficistaro algvidas ilin al la federala enmigrantejo. Tie ili restadas dum kelke da tagoj; poste oni forsendas ilin al la ŝtato, kiu deziras enmigrantojn sur siaj nove fonditaj kolonioj. Alveninte en ĉi tiu ŝtato, ili loĝas en ties enmigrantejo ĝis sia transporto al la kolonidistrikto okupota. La vojaĝo de Eŭropo al la kolonio daŭras pli-malpli 2 monatojn. La kolonidirektoro donas al familiestro aŭ fraŭlo alvenintaj arbaran terspacon de 25 hektaroj. La kolonio fariĝas rajta proprajo nur post pago de l' fiksita vendprezo kaj de l' subvencioj.

La novulo bezonas antaŭ ĉio plantejon. Li batfaligas per falĉilo arbetaĵon, kanon kaj plektokreskaĵojn, poste per hakilo arbojn sur la necesa suprajo. Arbojn taŭgantajn por konstruligno, palisojn li desegas kaj faligas plate teren, tiam superŝutas teron; alie la posta brulo detruus ilin. Post 4—6 semajnoj, ĉe bela vetero li bruligas la batfaligitan arbaron. Tuj kiam la cindro malvarmiĝis, li plantas maizon kaj kukurbojn inter ĝi. Post 4—5 monatoj la maizo maturiĝis, tiam li plantas fazeolojn en la saman plantejon zorge sarkitan. Maizo pliiĝas 150, fazeoloj 60-oble en purigitaj kulturejoj. Krom tio estas necese planti maniokon, patatojn, terpomojn, sukerkanon, semitrifolion, legomon ktp. Dometon kaj stalon li konstruas mem, ne havante monon por pagi metiistojn. Entute estas bezone, ke ĉiu nova koloniisto sciu sin mem helpi kaj kontentiĝu de l' plej simpla instalaĵo. La najbaroj estas ankaŭ en bezonantaj cirkonstancoj; tial unu helpas la alian por progresi. Ligno ne mankas por fostoj, tabuloj kaj tegmentaj tabuletoj. Parton de l' ĝisnuna plantejo li pretigas por paŝtejo de l' neceŝegaj dombestoj, kiujn iom post iom li havigas al si. Estas necese fermi la paŝtejon per netrairebla barilo; alie la brutaro perdiĝus aŭ dezertigus la plantejojn. Komence li povas labori nur per sarkilo en la nova kulturejo, ĉar radiktrunkoj ne detruitaj de l' fajro postrestis tie kaj bezonas kvin jarojn almenaŭ por putri; pro tio la plugilo ne estas uzebla dum tiu tempo. Tuj kiam li povas uzi plugilon, li preterpasis la plej penigan tempon en la kolonio kaj progresas nun pli rapide.

Post pluraj jaroj oni ekvidas beletan de metiistoj konstruitan loĝan domon apud la malnova loĝejo servanta nun kiel provizejo, la iamaj primitivaj mebloj estas anstataŭitaj per modernaj. Malriĉeco malaperis, sufiĉego ĉie regas. La tuta entrepreno plivaloriĝas ĉiam pli, ĝia nun feliĉa posedanto eĉ ŝparas kapitaleton por sia familio, kunhelpinta per ne lacigebla laboro al la nuna bonstato.

Fine, mi aldonas, ke monhavaj kaj aktivaj almigrantoj, kiuj praktikis en moderna terkulturejo ne bezonus submetiĝi al tia malriĉa komenciĝo, ĉar ili ankoraŭ povus profitige aĉeti bonan teron proksime de urboj kaj bonege prosperi per intensa mastrumado. Terkulturistoj, loĝantaj apud urboj, ne nur ŝparas karajn transportojn, sed ankaŭ vendas ĉiun produktaĵon, t. e. gravaj profitoj, kiujn la malproksimaj koloniistoj ne povas havigi al si.

*Fr. Emilio Thierack* (Del. São Leopoldo).

## Sanigado per malsato

Germano Arnold Ehret eldonis libron sub titolo „Malsanaj homoj“ (kranke Menschen), kie li priskribas sian metodon de kuracado per severa fasto. Tiu ĉi metodo estas tre konvinkiga kiel pro la rezultatoj, kiujn li atingis en kuracado de diversaj malsanoj de liaj pacientoj, tiel same pro tiu sperto, kiu venigis lin al lia metodo. La familio de Ehret estis ĉiam malsanema kaj li mem ricevis kronikan renbrulumon. Dum du jaroj oni kuracis lin sensukcese per alopatio kaj fine konstatis lian malsanon nekuracebla kaj mortoportanta. Tiel same opiniis ankaŭ li mem. Okaze li konatiĝis kun la „natura metodo de kuracado“, kiu postulas proksimiĝon al naturo, al simpleco de vivmaniero kaj ordonas vegetaran nutradon. Ehret komencis sekvi tiun ĉi meto-

don, fariĝis vegetarano. Dum kelkaj jaroj li resaniĝis, sed ne tute. Poste laŭ sia propra iniciato li komencis fastadon. El 14 monatoj Ehret fastis 126 tagojn, el kiuj dum 49 tagoj la fasto daŭris senĉese. Sekve de la fastado kaj frukta nutrado li tute resaniĝis: li faras piedvojaĝojn dum 36 horoj sen laciĝo, sentas neordinaran korpan malpezecon kaj eĉ laŭ aspekte li fariĝis pli juna.

El sia sperto kaj tiu de siaj adeptoj Ehret prilaboris teorion, kiu en ĉefaj trajtoj reduktiĝas al jeno. Ĉiuj malsanoj embriiĝas ne ekstere, sed interne de la homo. Bacilo, trafinta homan organismon el ekstero, povus kaŭzi nenion: ĝi nepre pereus tie, se ĝi ne renkontus favoran por si medion. Tiu ĉi medio formiĝas en la intestaro, kaj la homo mem akcelas tion per superflua nutrado: drinkado, trinkado de teo kaj kafo, manĝado de viando. Teo kaj kafo restigas en organismo specialajn venenojn, el viando eliĝas veneno toksino. Ĉio ĉi restas en la intestaro kiel malsaniga sedimento, kiu iom post iom pligrandiĝas. Do, la malsanoj devenas de la nenormala kaj troa nutrado. Ĉiu nutrajo restigas en la intestaro mukon. Tiu ĉi muko estas la ĉefa kaŭzo de la malsanoj, ĉar ĝi plenigas la sangovazojn, rompante la sangcirkuladon. Ne sole la viando enhavas mukon. Multaj estas la vegetaranoj, al kiuj vegetarismo utilis neniom! Ili restis same malsanaj, ĉar ĉio, kion ili manĝas — kaĉo, lakto, fromaĝo, ovoj, butero — estas manĝaĵoj kun muko ne malpli ol viando. La sola racia vegetarismo estas nutrado per fruktoj kaj la fasto, kaj por esti sana la homo devas ŝanĝi la nutradmanieron.

La kuracado devas esti direktata tiusence, ke la organismo elpelu el la sangovazoj la malhelpaĵon — sedimenton, mukon — kaj per tio normaligu la sangcirkuladon. La sola certa rimedo por tio estas severa kaj daŭra fasto, ĉar dum fastado ĉiuj mukaj sedimentoj elportiĝas el la organismo kun la urino kaj per vaporiĝoj. Du-tri semajnojn antaŭ fasto oni devas sin nutri sole per fruktoj, kaj ĉefe per pomoj, por kutimigi la organismon al transiro de la „muka" nutrajo al la „senmuka". Dum la fasto oni trinkas akvon kun citrona suko. Post la fasto oni komencas fruktan nutradon, kiu donas al organismo substancon, forbrulantan preskaŭ entute, t. e. sen ia restaĵo, kiu povus plenigi la sangovazojn. Sperto montras, ke la plej akra malsato estas sentebla dum la dua tago post komenco de la fasto kaj poste la akreco iom post iom malgrandiĝas kaj tute malaperas. Tion ĉi komprenigas la teorio, ke la ĉeloj, el kiuj konsistas homa organismo, havas en si iajn provizejojn, el kiuj ili tre ne volonte elspezas la nutraĵon; do en komenco de la fasto ili ŝpareme penas ricevi nutraĵon el ekstere kaj tial sentigas al homo la malsaton. Sed poste (post du tagoj), renkontinte rifuzon, ili malfermas la provizejojn kaj sin nutrante el la lastaj tute trankviliĝas.

Adeptoj de Ehret kuracis ĉe si plej diversajn malsanojn. Ekzemple kantisto de Münchena Reĝa Opero konstatas pliboniĝon de la voĉo post resaniĝo pere de tiu ĉi metodo. Unu virino sekve de diversaj malsanoj blindiĝis kaj multaj kuracistoj ne povis ŝin resanigi; nur per sistemo de Ehret ŝi forigis ĉiujn malsanojn kaj la vidkapablo revenis al ŝi. Impotentuloj ricevas kapablon al seksa vivo; senharuloj akiras riĉan hararon.

La maljuneco laŭ Ehret estas procedo de ŝtopiĝo de la sangovazoj per sedimentoj de la muka nutraĵo. Sistemo de Ehret, malŝtopante la kapilarojn, restarigas la sangcirkuladon kaj per tio malproksimigas la morton.

*Eŭgeno Tiĥonov* (Del. Sl. Nikolaevskaja.)

---

# ✱ NOTOJ ✱

.·. **Pli da sunlumo!** — Antaŭ kelkaj jaroj S-ro Vilhelmo Willett en Londono faris proponon, kiu jam ricevis varman subtenon en ĉiuj regionoj de la Britaj Insuloj. Unuavide ŝajnas stranga ideo antaŭenpuŝi la horloĝindikilojn je unu horo en la printempo, kaj ilin returnenpuŝi en la aŭtuno. Tamen tia estas la simpla propono, kiu verŝajne post mallonga tempo efektiviĝos.

La hodiaŭaj horoj de laboro ne estas tre oportunaj dum la somero, kaj malpermesas al la komizoj laboristoj profiti la longajn somervesperojn, kiujn sub aliaj kondiĉoj, ili povus uzi por sportoj kaj ekskursoj en la freŝa aero. Forlasinte la laborejon je la sesa horo, estas kutime preskaŭ la sepa antaŭ ol ili estas pretaj por viziti la kamparon. En la grandaj urboj ĉi tio estas ankoraŭ pli malbona, ĉar estas necese veturi longajn distancojn antaŭ ol eniri la kamparon.

Supozu tamen, ke inter la 2—3 nokte je la dua dimanĉo en Aprilo ĉiuj horloĝoj estas antaŭenpuŝitaj, ni ĝuus, estas vere, unu horon malpli da dormado tiun nokton mem, sed dum la tuta somero nia laboro finiĝus efektive je la kvina horo laŭ la suno, kvankam la horloĝoj montras jam la sesan! Sekve ĉiuvespere ni havus la tempon por fari sanigajn promenadojn, sportojn ktp.

Sed iom post iom la tagoj malpliilongiĝos ĝis ne plu estos tempo por tiaj ekskursoj kaj tiam, je la dua dimanĉo de Septembro inter la 2—3 horoj nokte la horloĝaj indikiloj haltos dum unu horo, kaj oni revenos al la efektiva sunohoro. Tiun nokton ni ĝuos unu horon pli da dormado, rekompence je la printempa perdo!

Per tia simplega rimedo la vasta armeo da laborantoj povos ricevi 150 horojn plie de vigliga sunlumo dum siaj liberaj horoj. Kompreneble oni povus atingi la saman rezultaton per oficiala ŝanĝo de la horoj de la laborado dum la somero, sed tio postulus la ŝanĝon de ĉiuj parlamentaj decidoj, kie horoj de laboro estas fiksitaj, kaj de ĉiuj fervojaj horaroj ktp. ktp.

Preskaŭ ĉiuj gravaj urbaj korporacioj de Granda Britujo oficiale subtenas la proponon. Parlamenta komisiono jam pristudis la demandon, kaj estis eltrovite, ke la solaj personoj, kiuj plendus pri la nova aranĝo estas tiuj borsistoj, kiuj makleras kun Usono, kaj la vendistoj de gaso kaj elektra lumo, kaj, verŝajne, la enterigistoj. Cetere unu aŭ du vagonaroj, kiuj veturas internacie aŭ laŭ tajdoj estus iomete konfuzataj. Plue, oni raportis, ke la bovinoj ne havus sufiĉan provizon da lakto por la mateno de la dua lundo en Aprilo, sed la fakto, ke la matenmanĝa ovo nepre estos pli freŝa — aŭ ni diru malpli malfreŝa — je unu horo tiumatene havigas kompenson.

Ĉirkaŭ S-ro Willett troviĝas ĉiam pligrandiĝanta armeo de propagandistoj, kaj jam oni enpenetras aliajn landojn malgraŭ la fakto, ke nia geografia situacio metas nin en la plej profita loko por tia ŝanĝo. Kaj tiu ĉi ekskurso en la internaciecon konvinkis S-ron Willett pri la gravega bezono por internacia lingvo. Ni do vidas kun speciala plezuro lian nomon inter la plej lastaj membroj de la Brita Esperanto Asocio kaj eble la vasta batalantaro por la *Daylight Saving Bill* fariĝos Esperantia Entrepreno. — *H. Bolingbroke Mudie.*

## Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ek pedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**

 ESPERANTISMO 

☛ Pro la raportoj pri la diversaj Kongresoj okazintaj dum Pentekosto, ni estas devigataj prokrasti la kutiman Bileton de Blankbarbulo, la kronikon kaj kelkajn aliajn artikolojn ĝis la proksima N-ro.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Germana Esperanto-Kongreso

La 9a kongreso de Germana Esperanto-Asocio okazis je Pentekosto en Leipzig. Antaŭ la oficiala malfermo de tiu ĉi sukcesplena kongreso ĉirkaŭe 200 geesperantistoj ornamis la monumenton de la mondfamekonata unua helplingvano Leibniz per belega florkrono. La prezidanto de l' G. E. A. supera juĝisto Reinking, el Braunschweig, mallonge parolis pri la graveco de tiu ĉi filozofo por Esperanto. Poste okazis la oficiala malferma kunsido en la „Gutenberghalle" (Gutenberg salonego) en la Buchgewerbehaus (ejo de la libroindustriistoj). Dankante al la multnombra ĉeestantaro S-ro Reinking akcentis, ke Esperanto tute ne intencas forigi la naciajn lingvojn, kaj ke la germanaj Esperantistoj estas nepre bonaj germanoj. Kiel ekstera signo la kunsido decidis, sendi saluttelegramojn al Lia I. M. Vilhelmo IIa kaj Lia R. M. Frederiko Aŭgusto de Saksujo. Post danko al la urbo Leipzig, al la urbestraro ktp., la oficialaj salutoj sekvis. La reprezentanto de la distriktestro, sekreta konsilanto Ebmeier precipe laŭdis la nacian konscion de l' germanaj Esperantistoj. La policestro D-ro Wagler salutis la kongreson en nomo de Leipzig kaj faris efikan propagandan paroladon por Esperanto, akcentante kaj pruvante la necesecon de Esperanto por la policanoj. Poste nia estimata vicdirektoro Stettler transdonis la salutojn de UEA kaj substrekis la vortojn de la G. E. A. prezidanto pri la konservo de la nacieco. Malgraŭ Esperanto la amo al la patrujo daŭros Por la Saksa Esperanto Instituto P-ro Schauerhammer parolis. Multe aplaŭdita, D-ro Steche, membro de la „Landtag" kaj reprezentanto de la unuiĝo de saksaj industriistoj kaj de la gravega „Hansabund", la malavara donacinto de 10,000 markoj por Esperanto en Leipzig, adresis korajn salutvortojn al nia samideanaro. Multaj aliaj paroladintoj sekvis. Inter ili estis gesamideanoj el Francujo, Aŭstrio, Hungario, Usono, Anglujo, Jamaiko, Belgujo, Rusujo, Svedujo, Danujo, k. a. Nun la festparolado de P-ro Rohrbach, el Gotha, okazis.

Post la tagmezo la kongresanaro vizitis la internacian ekspozicion por libroindustrio kaj artoj grafikaj. Tie ankaŭ okazis la solena manĝado kun 300 gepartoprenintoj. Je 6 h. vespere la distrikta kunveno de UEA komencis. La regiona Del., S-ro Karsch, el Dresdeno, prezidis. Nia senlaca vicdirektoro S-ro Stettler anstataŭis nian bedaŭrinde iom malsanan Direktoron Hodler kaj faris elokventan paroladon pri la organizo kaj evoluo de UEA. Diversaj raportoj sekvis, kaj post vigla diskutado la pli ol 300 ĉeestantoj varme aplaŭdis la raporton de la distrikta Delegito.

En la unua laborkunsido post kelkaj salutparoladoj la prezidanto sciigis, ke la kongreso havis ĝis nun 630 gepartoprenantojn, kaj ke la G. E. A. prezentis al D-ro Steche la honoran membrecon. Post longa tondra aplaŭdo D-ro Steche ekparolis videble ĝojigita pri la neatendita honoro. Mallonge li montris, kiamaniere li sukcesis iom post iom gajni la atenton de la registaro kaj de la „Hansabund". Kun kora danko li akceptas la honoran membrecon de la G. E. A., kaj instigas la germanan Esperantistaron aliĝi al la G. E. A. Nun la jara raporto sekvis. La kasisto D-ro Arnhold montris ĝojigan havaĵon. La nombro de la aliĝintaj grupoj estas nun 179. La germana gazetaro ĝenerale favore rigardas Esperanton. Ekzemple en aŭgusto 1913 aperis 464 artikoloj en germanaj gazetoj pri Esperanto. En la 1a Varietea ekspozicio en Berlino Esperanto okupis favoran lokon dank' al la prezidanto de la Varietea Esperanto Ligo S-ro Karlo Schwarz. Ankaŭ en la venonta jaro Esperanto aperos en la ekspozicio de Düsseldorf. Vespere la kongresa komitato amuzigis la kongresanaron en la salonego de la ekspozicia ĉefrestoracio per belaj kantoj, teatraĵoj ktp. Komunaj kantoj kaj ŝercparoladoj kunigis la kongresanaron ĝis — (mi preferas silenti pri tio).

En la 2a laborkunsido, S-ro v. Frenckell donis pluajn sciigojn pri la negocaj aferoj de la G. E. A. D-ro Arnhold faris la kasraporton ktp. Dum tiu ĉi kunsido S-ro sekreta konsilanto profesoro D-ro Schmidt eniris varmege salutata de la kunvenantaro.

La 3a laborkunsido estis salutata de P-ro Simon, el Vieno, en la nomo de la ĵus finita 3a tutaŭstria kongreso en Franzensbad. Dekduo da alvenantaj anglaj kaj holandaj samideanoj kaŭzis veran ĝojon. Okazis diskutoj pri la Lingva Komitato. Ĝenerale oni ne estas kontenta pri la nuna institucio kaj la laboro de tiu ĉi komitato. Oni preferus pli malmultenombran kaj pro tio esperebie pli ageman komitaton. P-ro Christaller, Stuttgart, kaj D-ro Arnhold, Dresden, provis iom senkulpigi la L. K. La redaktoro de „Germana Esperantisto", S-ro Ellersiek, kaj precipe S-ro Glück, el Vieno, vigle atakis la nunan L. K. La rezultato de tiu ĉi diskutado estis, ke oni decidis, rekomendi al la asociaj grupoj monan subtenon de la internacia organizo nur tiam, se oni reformos la L. K. Poste la kunsidantaro aprobis la sintenadon de S-ro Schmiedeberg, ekzamenestro de G. E. A. rilate al la propono de UEA pri la internacia ekzamena demando. Oni akceptis decidon, eviti la senfruktajn traktadojn kun la Idistoj. Post kiam la kongreso estis akceptinta proponon, subteni la Esperantistajn Monistojn kaj Bontemplanojn, Düsseldorf estis elektata unuvoĉe kiel kongresurbo por 1915. Kun kora danko al la urbestraro de Leipzig, la prezidanto fermis la sukcesplenan kongreson.

Dum la kongreso okazis kunsidoj de la Germana Akademia Asocio, de la fervojistoj, policistoj, instruistoj, poŝtistoj, katolikoj k.a.

Mardon vespere, S-ro P-ro Ledermann, Augsburg, faris efikan propagandan paroladon en la „Buchgewerbehaus" (ejo de la libroindustriistoj) pri la temo „Ĉu Esperanto havos estontecon". La sekvantan tagon la nelacigeblaj gekongresanoj rigardis kelkajn vizitindaĵojn de Leipzig kaj faris ekskurson tra la arbaro al Zwenkau. Niaj Leipzigaj gesamideanoj povas esti fieraj pro la grandega sukceso, kiu kronis ilian grandan laboron preparinte tiun ĉi kongreson.

Certe ĉiuj gekongresanoj vizitis eĉ kelkfoje la tre favore lokatan Esperanto-domon kaj forlasis ĝin kun granda ĝojo kaj certeco pri la estonteco de Esperanto. Neesperantistojn ĝermo favora al nia movado ekokupas, post kiam ili rigardis nian domon. Eĉ skeptikuloj devas konvinkiĝi per la faktoj elmontrataj. Mankas nur *plena* kolekto de ĉiuj Esperanto-libroj. Venu mem, afablaj belulinoj klarigos al vi ĉion, eĉ la pordistoj vin flue alparolos en nia idiomo.

*F. Rockmann.*

## Tutaŭstria Esperanto-Kongreso

De la 31 majo ĝis la 3 junio okazis en Franzensbad la IV Tutaŭstria Esperanto-Kongreso, kiun ĉeestis 319 partoprenantoj el ĉiuj partoj de Aŭstrio, kaj kiu plene sukcesis dank' al la fervoraj klopodoj kaj lertaj aranĝoj de S-ro J. Hechtl kaj lia senlaca kunhelpanto S-ro Hell. Jam la 30 majo matene la akceptejo ekfunkciis, kaj la ekspozicio en la Parkhotel estis malfermita. Vespere okazis granda festo por saluti la kongresanojn, dum kiu S-ro Hechtl faris la festparoladon. Diversaj kantoj, propaganda parolado de S-ro P-ro Glück el Wien, koncertprezentaĵoj kaj tostoj plenigis la reston de la festo. La Pentekostan dimanĉon la kongresanoj ĉeestis unue Esp. diservon, kie S-ro J. Blank faris la predikon; je la 10 h. ilin kunigis la solena malfermo de la kongreso. S-ro E. Loimann per mallonga saluta parolado bonvenigis la kongresanojn kaj deziris al la kongreso la plej bonan sukceson. S-ro Hechtl speciale salutis la delegiton de la milita ministerio, S-ron kolonelon A. Engl, S-ron kolonelo Röhr kaj multajn oficirojn kaj eminentajn Esperantistojn. La tre vigla festparolado estis farita de S-ro Ghez. Saluttelegramo estis sendita al Lia Imperiestra Moŝto Franz Josef.

Poste oni transiris al la inaŭguro de la Esperanto-monumento

La loko por la monumento estas tre bone elektita kaj plene harmonias kun la placo. S-ro Hechtl diris la inaŭguran paroladon; en la momento de la malkovro de la monumento la orkestro ekludis la himnon, kiun kantis ĉiuj kongresanoj. La momento estis tre impresa. Sekvis ankoraŭ mallongaj paroladoj de la urbestro kaj de S-ro Ghez, kantoj de la unuiĝo „Liederkranz" kaj muzikaĵo de la orkestro.

La festmanĝon, kiu okazis je 1 h., partoprenis pli ol 200 personoj; la manĝadon sekvis komuna fotografado. Post koncerto en la Kurgarten kaj vizito de la urbo okazis vespere grandioza parkfesto kun iluminado kaj artfajraĵoj. La 1 junio plenigis komunaj kunsidoj kun fikso de la venonta kongreso. En 1915 oni aranĝos aŭstri-hungaran kongreson en Pressburg. Posttagmeze estas ludata unuakta kantteatraĵo, kaj vespere oni kunvenis por komuna vespermanĝo en la Parkhotel. Per tio la kongreso estis oficiale fermata. La sekvintan tagon ekskursoj al Eger, Marienbad k. a. estas aranĝitaj kaj vespere komuna veturado al la Germana Esperanto-Kongreso en Leipzig.

## Hungarlanda Esperanto-Kongreso

La ĝenerala festo de Pentekosto estis festo ankaŭ de hungarlandaj Esperantistoj aparte; samtempe okazis nia tria kongreso en Szeged. La kongreso plene sukcesis, same la kunsidoj pro gravaj decidoj, kiel la amuza programo.

La kongresanoj plejparte alvenis jam sabate vespere kaj havis en la hotelo Tisza, kie ankaŭ la akceptejo estis, konatiĝan vesperon, dum kiu, inter aliaj, estis prezentita unuakta humoraĵo „La balreĝino".

Antaŭ la dimanĉa labora kunsido okazis meso kaj esp. prediko en la preĝejo de Sta. Rokuso, kiun celebris papa prelato D-ro A. Giesswein, prezidanto de la Hungarlanda Esperanto-Societo. En la prediko li bele memorigis la fajron de la Esperantistoj, tiun pentekostan fajron de la Apostoloj, kiu komprenigas diverslingvajn homojn.

La solenan kunsidon en la urbdomhalo salutis la suburbestro de Szeged, kiu en la nomo de la urbo bonvenigis la kongreson. Post elekto de la estraro D-ro Giesswein honorprezidanto malfermis la kongreson kaj transdonis la gvidadon al la prezidanto D-ro S. Patai. Post salutparoloj de la reprezentantoj de proksimume 35 hungaraj urboj kaj grupoj oni legis salutleterojn kaj telegramojn.

Post la solena parto oni komencis la laboron: D-ro J. Takács, sekretario de la Hl. E. S. prezentis projekton de nova regularo de la societo, de kiu oni atendas pli sukcesan propagandon kaj efektivan unuiĝon de la Esperantistaro en Hungarujo. La projekton — post pluraj alparoloj — oni transdonis al komitato, kiu detale pritraktu kaj prezentu ĝin alitage por akcepto. Inter aliaj, tiu ĉi regularo zorgas pri fondo de aparta grupo por izoluloj, ebligante ilin krei legorondetojn per helpo de la alpleniĝota societa biblioteko kaj per komuna abono de esp. gazetoj.

La lunda kunsido komenciĝis per la raporto de tiu komitato, kiun prezentis S-ro Forster Jenő kaj, post kelkaj ŝanĝetoj, oni akceptis ĝin. Sekvis la difino de urbo de la IVa kongreso. Post interkonsento kun la Tutaŭstria Kongreso en Franzensbad oni akceptis la urbon Pozsony kiel lokon de nia IVa, kaj sama urbo invitis ankaŭ por sama tempo la Aŭstrian Van Kongreson; do tiel estos okazo por pruvi al la skeptika publiko, ke Esperanto povas proksimigi la homojn ankaŭ en tiu okazo, kiam politikaj bataloj disigas ilin. Cetere, estis aŭdataj malaj opinioj, kiuj protestis kontraŭ la komuna kongreso kun la Aŭstrianoj, ĉar tio ŝajnigus al la eksterlandanoj, kvazaŭ Aŭstrio kaj Hungarujo estus unu kaj sama lando, la lasta nur provinco de la antaŭa. Sed la plimulto de l' kongresanoj argumentis kaj voĉdonis tiel, ke la komuna loko kaj tempo de ambaŭ kongresoj eĉ klarigos al eksterlandanoj la apartecon de ambaŭ landoj, kaj samtempe ĝi estos frata festo.

Post la difino de la kongresurbo S-ro Szücs Lajos, sekretario de la Szegeda grupo, raportis pri la intenco de la loka grupo *Frateco*, agi en praktika, komerca direkto. Fine oni akceptis petskribon verkitan de S-ro *A. Végh*, subskribitan de ĉiuj kongresanoj, per kiu la kongreso petas la ministron de instruado allason de Esperanto en la lernejojn.

Nombro de la kongresanoj estis proksimume 250. La urbestraro de Szeged subtenis la kongreson — krom kongresejo — per 1000 Kronoj, pro kio ni esprimas nian dankon al ĝi ankaŭ ĉi tie.

Dimanĉe, tagmeze, okazis festeno, kie spritaj tostoj altigis la ĝeneralan bonhumoron; posttagmeze la kongresanoj are rigardadis la landan ĝardenistan ekspozicion, propagandante tie. Poste ili supreniris la turon de la urbodomo, kaj ilia raviĝo pro la bela panoramo montriĝis en entuziasma kantado de himnoj esperanta, hungara k. a.

Vespere okazis balo, kun antaŭa bonsukcesa koncerto, kies vasta programo, precipe tri Esperanto-kantoj, prezentitaj de operkantistino S-ino Szántó, meritas plenan laŭdon. La kongresanoj estis kune ĝis la 5a matene.

Lunde, posttagmeze, kongresanoj jam adiaŭis, sed parto da ili faris ekskurson al la banloko Palics apud la lago Palics, en la proksimeco de Szabadka, kies akvo estas tre efike saniga precipe en okazoj de infana skrofolo; tie ili pasigis tre agrablan posttagmezon kun propagando, kantado, boatado, komunaj manĝoj ktp., kaj nur la malfrua vespero povis perforte disigi la partoprenantojn proksimume 60 nombrajn.

Entute la kongreso faris tre bonan impreson ne nur ekstere, kiel bonega propagandilo en la urbo, sed efikis entuziasmige al la komencantoj, kiuj solene promesis, en Pozsony jam flue paroli nian lingvon. *R. Rajczi* kaj *Forster Jenő.*

## Belga Esperantista Kongreso

La lasta nacia kongreso de niaj belgaj samideanoj en Meĥleno (Malines) estis rimarkinda sukceso, precipe je propaganda vidpunkto. Notinde estas, ke ĝi estis organizita en urbo kie Esperanto estis konata nur de tri personoj, kaj ke malgraŭ tio preskaŭ 200 samideanoj, inter kiuj kelkaj fremduloj, partoprenis.

Kunveninte apud la stacidomo, la gekongresanoj unue iris ope al la urbdomo, kie ili estis plej kore akceptataj de la skabeno. Tiu ĉi tre afable promesis, ke de nun la urbestraro faros sian eblon por helpi la klopodojn de niaj kuraĝaj amikoj. Cetere ili jam estis ricevintaj pruvon de tiu oficiala simpatio: dank' al ĝi ili povis organizi prezentadon en la urba teatro. La paroloj de la skabeno kaj la respondo de la prezidanto de la Belga Ligo estis varme aplaŭdataj.

Poste okazis la ĝenerala laborkunsido de la kongreso. Interesaj raportoj de la prezidanto, sekretario kaj kasisto sciigis kontentigajn rezultatojn akiritajn dum la ĵus finiĝinta periodo.

Kelkaj anoj sukcesintaj la ligan ekzamenon pri profesora kapableco, ceremonie ricevis diplomojn.

Fine, estis diskutataj kelkaj ŝanĝoj en la regularo. Je 14 h. oni kunvenis, sed nun en agrabla kaj fama restoracio por festeni. Je 17 h. kelkaj kuraĝuloj organizis diversfakajn kunsidojn, dum aliaj promenadis en la urbo, kiu estas plena je interesaj malnovaj monumentoj precipe religiaj.

Vespere, en la teatro, kelkaj bonvolemaj (kaj tre lertaj) amikoj prezentis tri komediojn: Hejma Paco, Angla lingvo sen profesoro kaj Bietje. Ili rikoltis varmajn kaj meritajn aplaŭdojn.

La dua tago estis dediĉata al ekskurso, kies celo estis la urbeto Boom, sidejo de aktiva Esperantista grupo. Irante, la gekongresanoj haltis en Willebrœk, kie ili estis invitataj por detale viziti grandegan paperfabrikejon De Maeyer. En Boom okazis ree komuna tagmanĝo plej gaja.

Reveninte al Meĥleno, niaj amikoj povis aŭdi, antaŭ ol disiĝi, per la artplena voĉo de la fama sonorilaro, adiaŭan saluton de la antikva urbeto. *F. M.*

## Kunveno de Svisa Esperanta Societo

Dum Pentekostaj festotagoj la Svisa Esperanta Societo havis sian jaran kunvenon en la urbo St. Gallen. Tiu urbo estas lokita tre malproksime de la centro de nia lando; pro tio la ĉeestantaro el okcidenta Svisujo, kie tamen la Esperanta movado estas plej

vigla, estis tre malmultnombra, la plej granda parto de la kunvenintoj estis germanlingvanoj. Tamen oni laŭkutime uzis nur Esperanton en la kunvenoj.

Post kunsido de la Centra Komitato, kiu preparis la traktotaĵojn por la ĝenerala kunveno, kaj post tre bona komuna tagmanĝo, oni unue pridiskutis la laŭstatutajn punktojn: Raporto de la sekretario, Raporto de la kasokontrolantoj kaj elekto de la Komitato. La tre detale farita raporto estis aplaŭde aprobata, same la jara kalkulo, kiu montras belan kashavaĵon. En la Komitaton estas nove elektita S-ro Otto Haller, bankoficisto en Rorschach, unu el niaj plej fervoraj propagandistoj. Plie oni decidis revizii la statutojn, por ilin alkonformigi al la nunaj cirkonstancoj. Longan diskutadon kaŭzis la gazeta demando, ĉar por nia malgranda lando la eldono de propra organo estas iom malfacila entrepreno. Tamen oni sukcesis trovi kontentigan solvon.

Vespere post la kvarhora laborado kunvenis la svisaj Esperantianoj por priparoli diversajn proponojn kaj aŭdi la raporton de la Distrikta Delegito pri la stato de UEA en nia lando.

Samtempe kunvenis en apuda ĉambro la svisa sekcio de la Tutmonda Esperantista Unuiĝo Katolika, kies prezidanto, S-ro D-ro Lehner en St. Gallen, multe laboras por tiu plej juna infano en nia Esperanta movado svisa.

Bele aranĝita amuzkunveno tiris la samideanaron al la alte lokita Restoracio „Scheffelstein", kie oni festis ĝis la luno sufiĉe brilis por kontentige lumigi la krutan vojon al la urbo.

La duan tagon niaj amikoj de St. Gallen kondukis la anaron tra la urbo kaj ties ĉirkaŭaĵo. Posttagmeze oni faris tre amuzan ekskurson al la bordo de la Konstanza Lago kaj restis amike kune ĝis la senkompataj vagonaroj forkondukis la gajan societon en ĉiuj direktoj.

Koran dankon al la agemaj kaj afablaj samideanoj en la festurbo, kiuj tiel bone kaj fervore preparis nian feston kaj tiel amike akceptis kaj gastigis nin.

Dum la kunveno oni forsendis telegramojn al la Germana Kongreso en Leipzig kaj al la Aŭstria Kongreso en Franzensbad, el kie baldaŭ revenis kuraĝigaj saluttelegramoj. *J. S.*

## Kongreso de Federacio Esperantista de Burgonjo kaj Jura

Ĉi tiun jaron la F. E. B. J. kaj la Rodana Federacio havis sian kongreson en la sama urbo Bourg, kies grupo apartenas al ambaŭ. Tiel la kondukantoj de tiuj du federacioj povis interŝanĝi dum du plenaj tagoj multajn utilajn kaj fruktoportontajn ideojn.

Pri la kongresaj aranĝoj mi nur diros, ke ĉio estis tiel bone kaj malavare aranĝita kiel en unu el niaj ĉiujaraj universalaj kongresoj. Dum la oficiala akcepto en la urbdomo, la urbestro sin plej varme proklamis fervorulo de nia afero. Post gaja festeno en kiu partoprenis 130 kunmanĝantoj, la reprezentantoj de la F. E. B. J. kaj la Del de UEA kunvenis ĝis la 7a vespere por laboro. Speciale ni devas raporti pri la ekzamenoj. Sekve de la deziresprimoj faritaj en la lasta kongreso de F. E. B. J. estis samtempe aranĝitaj en la tuta federacio ekzamenoj por la 300-franka vojaĝ-stipendio, por la atesto pri kapableco, la supera atesto kaj la atesto pri lernado. La skriba parto okazis en la grupoj, la parola parto en Bourg por la kandidatoj de la grupoj ne havantaj taŭgan juĝantaron. Entute estis 116 kandidatoj el kiuj 92 ricevis diplomon. Ĝenerala klasigo estis farita por la tuta federacio. La vojaĝstipendion ricevis S-ro R. Brétillot, Del. de UEA en Besançon, kiu, dum la venonta aŭtuno vojaĝos verŝajne en Sud-Germanujo, Svisujo kaj Nord-Italujo, kaj plezure faros senpagajn paroladojn pri Burgonjo kaj Jura, laŭvole kun lumbildoj, al la grupoj, kiujn li vizitos. Al la plej bone klasigitaj aliaj kandidatoj oni disdonis premiojn donacitajn de privatuloj, de S. f. p. E. de la Presa Esp. Societo, aŭ aĉetitajn de la Federacio.

Dum la labora kunsido oni plezure konstatis, ke la nombro de la membroj altiĝis ĝis 1622, kaj ke la enspezoj atingis pli ol 1000 Fr. Post vigla diskutado, en kiu estis esprimata de diversaj personoj la deziro, ke la S. f. p. E. precize starigu sian programon de agado kun la necesa buĝeto, tre zorgu pri la bona organizo de ekzamenoj, kaj sin pli kaj pli konsideru ne sendependa organismo sed kunfederacio de la francaj Esp. federacioj, oni unuanime akceptis la proponon altigi la kotizajon al la S. f. p. E. ĝis 0,15 po membro.

Aprobinte la raporton pri la ekzamenoj en la F. E. B. J. oni ankaŭ esprimis la deziron, ke estu starigata listo de la administracioj, firmoj k. a., kiuj konsentus favore konsideri la Esp. diplomojn, kiujn posedas ilia oficistaro. Fine oni elektis Del. de UEA en grupoj kie ne ankoraŭ ekzistis kaj priparolis la fondon de grupoj en urboj kie ekzistas ĝis nun nur Del de UEA. Oni decidis, ke la venonta kongreso okazos en Lons-le-Saulnier.

Post la laboro la kongresanoj ĝuis interesan paroladon en Esperanto de S-ro Agurtin pri la esp. movado en Rusujo, kaj post la vespermanĝo belan koncerton kun lokaj (Bresse'aj) dancadoj. Inter la unua kaj dua parto S-ro Beau parolis pri Esperanto, pri la nuna stato de la esp. organizaĵoj, pri la servoj, kiujn ili faras kaj pri la sociaj esperoj, kiujn kun si alportas nia afero. Vivplena balo finis la unuan tagon, kiun sekvis dua, kun ripoziga ekskurso kaj pikniko en la pentrinda arbaro de Seillons. *T. R.*

## Normanda Esperantista Kongreso

Plej grandan sukceson havis la VIIa Normanda Esp. Kongreso en Sotteville-les-Rouen. Oni scias, ke ĝi koincidis kun la inaŭguro de la strato Zamenhof, laŭ la decido de la progresema urbestraro de Sotteville. Pli ol ducent kongresanoj el ĉiuj partoj de Normandio ĉeestis. Matene okazis la ekzameno, ĉe kiu partoprenis 38 kandidatoj. Poste sekvis labora kunsido, sub la prezido de S-ro Pitter.

Sed je la dek-unua venis la ĉefparto de la kongreso, nome la inaŭguro de la strato Zamenhof, ĉe kiu partoprenis la urbestraro, ĉiuj lokaj societoj kaj fakte la tuta loĝantaro de Sotteville. Brila procesio kun muziko kaj multaj verdaj flagoj direktiĝas al la nova strato. Meze de tondraj aklamoj oni malkovras la plakon: „Rue Zamenhof. Auteur de l'Esperanto". S-ro Tilloy, urbestro, per brila parolado montris la gravecon de Esperanto por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj. S-ro Cayeux, prezidanto de la grupo de Sotteville, rakontadis la vivon de D-ro Zamenhof kaj aludis la nunan staton de nia movado.

Tiun gravan manifestadon sekvis granda festeno, ĉe kiu paroladis S-roj Cayeux, Rollet de l'Isle kaj Tilloy. Fine, sukcesplena vesperfesto kaj balo finis tiun belan kongreson. Notinde estas, ke dum la tago gejunuloj disdonis 5000 fotografaĵojn de D-ro Zamenhof kaj multajn propagandilojn.

## Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko

La VIIa kongreso de EANA okazos en *Chicago* en julio 1914. Jen la programo de tiu manifestado, kiu anonciĝas kiel tre grava kaj multnombre vizitota:

*Lundo.* Mat. Kunsidoj. Ptm. Vizito al grandaj magazenoj. Vesp. Solena malfermo.

*Mardo.* Mat. Kunsidoj. Ptm. Ekskurso al Lincoln Park.

*Merkredo.* Tuttaga ekskurso sur Lago Michigan kaj speciala programo en Milwaukee.

*Jaŭdo.* Mat. Kunsidoj. Ptm. Aŭtomobilekskurso tra Chicagaj parkoj. Vesp. Opero en Esperanto.

*Vendredo.* Mat. Kunsidoj. Ptm. Vizito al vidindaj fabrikoj. Vesp. Granda balo.

*Sabato.* Ferma kunsido kaj ekskurso al Riverwiew Parko.

Dum la kongreso okazos speciala kunveno de UEA. Por ĉiuj informoj sin turni al la Organiza Komitato, 1669 Blue Island Ave., Chicago, Ill.

## DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

.·. **Postkongresaj ekskursoj.** — En *Esperanto* de 5 majo ni publikigis la programojn de la postkonkresaj ekskursoj organizitaj sub la aŭspicioj de UEA kun helpo de diversaj Esp. grupoj de Francujo. Tiuj postkongresaj ekskursoj rilatis al: A. *Touraine kaj valo de Loire;* B. *Normandio;* C. *Champagne kaj Vosges.*

Ni nun publikigas la programon de du novaj ekskursoj, nome D. *Limousin, Quercy, Périgord* kaj E. *Tra la montoj „Pyrénées".*

D. *Limousin, Quercy, Périgord.*

Plej bela regiono de Francujo, redukto de la fama rondvojaĝo farita en 1913 de S-ro *R. Poincaré,* Prezidanto de la Franca Respubliko. Ekskurso organizata sub la aŭspicioj de UEA kaj de la Esp. Grupo de Limoges.

Vizito de la mirindaj valoj de famaj riveroj: Vienne, Corrèze, Dordogne, Célé kaj Lot; Limoges, Tulle, Brive, Rocamadour, Figeac, Cahors, Gourdon, Domme; Profundegaĵo de Padirac.

*Dimanĉo, 9 aŭgusto:* Foriro Paris-Orsay, je 19 h. 50. Alveno Limoges, je 2 h. 4. Loĝo.

*Lundo, 10 aŭgusto:* Restado en Limoges. Vizitado de la urbo, sub la gvido de grupanoj Esperantistaj de Limoges. Katedralo Saint-Etienne, Preĝejoj Saint-Pierre, Saint-Michel, Saint-Aurélien. Muzeo de Porcelano, ununura en la mondo. Fabrikoj de mebloj, piedvestoj, porcelano. Emajloj universale famaj.

Posttagmeze. Ekskursoj: 1e La bordoj de rivero Briance, Solignac (antikva monaĥejo), Chalusset (Restaĵoj de historia kastelo); 2e La bordoj de rivero Vienne. Aixe. Saint-Viturnien. Vespere, festo por honori la ekskursanojn.

*Mardo, 11 aŭgusto:* Foriro de Limoges je 7 h. Eymoutiers, Bugeat, Defluejoj de Vienne, Plataĵo de Millevaches (Tagmanĝo), Meymac, Egletons, Tulle. Vespermanĝo. Vespero. Loĝo.

*Merkredo, 12 aŭgusto:* Foriro de Tulle je 7 h. Alveno Brive je 8 h. 15; Haltado unu horon. Vizitado de la urbo. Foriro je 9 h. 15. Panoramo de Montvalent; Rocamadour la sankta urbo (Tagmanĝo). Vizitado de kastelo kaj preĝejoj de Rocamadour. Padirac, vizito de l'Profundegaĵo, unuunura mirindaĵo en la mondo. Foriro 17 h. Alveno Gramat je 18 h. Vespermanĝo; loĝo.

*Ĵaŭdo, 13 aŭgusto:* Foriro ĉirkaŭ 9 h. Assier, Preĝejo, Restaĵoj de Kastelo. Figeac (Tagmanĝo). Vizitado de la urbo. Foriro je 14 h. Valo de rivero Célé. Espagnac, restaĵoj de kastelo de Angloj; Marcilhac; Saint-Cirq-la-Popie. Valo de rivero Lot. Cahors (vespermanĝo; loĝo).

*Vendredo, 14 aŭgusto:* Matene, vizitado de Cahors. Foriro tra Frayssinet (Tagmanĝo), Gourdon. Alveno Domme 15 h. 30; Remparoj superstarantaj je kelkaj centoj da metroj la nekomparan valon de rivero Dordogne, Ĉefdomo, Kasteleto. Foriro je 16 h. 30. Alveno Sarlat je la 17-a (Vespermanĝo). Foriro per fervojo je 19 h. 47. Alveno Limoges je 22 h. 3.

*Sabato, 15 aŭgusto.* Alveno Paris-Orsay je 4 h. 46 matene.

Prezo entenanta ĉiujn elspezojn: fervojoj, aŭtomobil-ĉaroj, hoteloj, diversaj eniroj, gvidistoj kaj trinkmonoj:

Dua klaso: 220 Frankoj — Tria klaso: 200 Frankoj

E. *Tra la montoj „Pyrénées".*

Ekskurso organizata sub la aŭspicioj de UEA kun la helpo de la Esp. Grupoj de Toulouse kaj Bordeaux.

*Dimanĉo, 9 aŭgusto:* Foriro Paris-Orsay je 20 h. 27.

*Lundo, 10 aŭgusto:* Alveno Toulouse je 7 h. 50. Enloĝiĝo en la Hotelojn. Vizitado de la urbo.

*Mardo, 11 aŭgusto:* Foriro Toulouse je 8 h. 16. Alveno Lourdes je 12 h. 41. Restado en Lourdes.

*Merkredo, 12 aŭgusto:* Ekskurso per aŭtomobil-ĉaroj ĝis Gavarnie kaj Reveno en Lourdes.

*Ĵaŭdo, 13 aŭgusto:* Restado en Lourdes, samtempe kun la okazonta Esperantista Pilgrimo.

*Vendredo, 14 aŭgusto:* Foriro Lourdes 8 h. 45. Alveno Pau 9 h. 25. Vizitado de la urbo kaj Kastelo de Henri IV. Foriro 14 h. 30. Alveno Biarritz 17 h. 10. Vizito de Biarritz. Loĝo en Bayonne.

*Sabato, 15 aŭgusto:* Ekskurso ĝis St-Sebastien (Hispanujo). Ebleco ĉeesti ĉe „Corrida de Toros" (Bovvira Kurso). Loĝo en Bordeaux.

*Dimanĉo, 16 aŭgusto:* Vizitato de Bordeaux. Akceptfesto de la Esperantista Grupo de Bordeaux. Foriro 22 h. 30.

*Lundo, 17 aŭgusto:* Alveno Paris-Orsay je 7 h. 15 matene.

Prezoj entenantaj ĉiujn elspezojn: fervojo, aŭtomobil-ĉaroj, hoteloj, gvidistoj kaj trinkmonoj:

Dua klaso: 195 Frankoj — Tria klaso: 160 Frankoj

Por ĉiuj aliĝoj kaj informoj oni bonvolu sin turni al la *Organiza Komitato de la Deka Kongreso, 3, place Jussieu, Paris.*

.·. **Monhelpoj.** — La mondfama magazeno „Au bon Marché" disponigis al la kongresa kaso sumon de 700 fr. Tiu magazeno estas la plej granda kaj grava en Parizo; ĝi havas milojn da oficistoj; en ĝi troviĝas interpretistoj por ĉiuj lingvoj. Antaŭ kelkaj jaroj tiu firmego interesiĝis al Esperanto; per favorado de la direktistoj S-ro Warnier gvidis specialan kurson, kaj fondiĝis grupo de „Bon Marché", sekcio de la Pariza Grupo, vigle estrata de F-ino Perrot.

La sumo de la monsubtenoj estas fr. 5053.80

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Garantia kapitalo.** — Estas eksigata de UEA S-ro D-ro Magnus Söndahl, Unio Sociokrata, Alagoinhas (Brazilujo), kiu malgraŭ diversaj avertoj ne pagis la garantian ateston promesitan la 4 januaro 1913 kaj publikigitan en N-ro 139 de *Esperanto.* Tiun ateston, la sole ne pagitan, bonvolis akiri S-ro D-ro E. Dietl en Graz (Aŭstrio) tiel ke la Garantia kapitalo ne havas perdon. Aliparte la atesto publikigita sub N-ro 115 en N-ro 166 de *Esperanto* estos posedata de S-ro *Babcock* en San Francisco (anstataŭ F-ino Andernach).

Por la Administrantoj de la G. K.
*Ed. Stettler,* Financa Fakestro.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 majo estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 6468 kotizaĵoj (el kiuj 130 subtenantoj kaj 137 dumvivaj membroj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 466; Studenta Fako: 34.

**Statistiko.** — Movado de la korespondaĵoj de la C. O. de UEA dum majo 1914:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1237 | 1754 | 244 |

Tuta sumo: 3235. Antaŭa monato: 3988. Antaŭa jaro (sama monato): 3262.

**Por kongresanoj membroj de UEA.** — *Por bicikletistoj.* En antaŭa N-ro ni anoncis, ke laŭ speciala permeso de la ministro de la Financoj, havigita dank' al la afabla klopodo de S-ro senatano Lucien Cornet, honora membro

de UEA, la membroj de UEA veturontaj Francujon kun biciklelo, okaze de la kongreso, estos liberigataj je ĉiu depono de speciala garantio. Alvenante je la unua franca doganoficejo, ili bonvolu sin turni al la ĉefdoganisto, kiu interŝanĝe de la sumo de Fr. 0,60 kaj post prezento de ilia membrokarto (laŭleĝe atestita) donos al ili enirpermeson.

*Legitimacio.* — Dum la kongreso povas okazi, ke kongresanoj bezonos legitimacion, speciale ĉe la poŝtoficejoj. Ni atentigas ilin, ke por tiu celo estas rekomendinda la nunjara membrokarto de UEA. Ĝi devas surhavi la fotografaĵon de la posedanto kaj esti oficiale atestata konforme al la leĝoj de lia lando.

Laŭ oficiala informo de la franca Poŝtdirekcio, je la dato de la 23 decembro 1913, la membrokarto de UEA povas esti akceptata kiel legitimacio ĉe la poŝtoficejoj. (La nomoj kaj adreso de la posedanto nepre estu skribitaj per latinaj literoj).

**Doganaj faciligoj por ciklistoj.** — Laŭ la klopodoj de la C. O. de UEA, la Supera Direkcio de la svisaj doganoj, per decido de la 30 aprilo kaj 9 junio konsentis, ke la ciklistaj membroj de UEA povu provizore importi sian bicikleton en Svisujon sen alia dogana formalaĵo ol la prezentado de sia membrokarto (laŭleĝe atestita). Ĉiuj doganoficejoj ricevis la necesajn instrukciojn por la apliko de tiu favoro, kiun sendube ŝatos ĉiuj niaj turistaj membroj biciklete vojaĝontaj tra Svisujo.[1]

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato majo 1914:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 896. 18 | Oficejo | 60. — |
| Subtenantoj | 19. — | Salajroj | 495. — |
| Entreprenoj | 85. — | Korespondado | 125. — |
| Jarlibro | 31. 25 | Presaĵoj | 30. 50 |
| Pagitaj Servoj | 87. 50 | Jarlibro | 150. — |
| | | Ofic. Organo | 21. 25 |
| | | Adm. Elspezoj | 60. 80 |
| | 1118. 93 | | 1042. 55 |
| | | Saldo | 76. 38 |
| | 1118. 93 | | 1118. 93 |

**Novaj Delegitoj.**

*Adony* (Hungario, Fejér megye). — D.: Balint Lajos, banklibrotenisto.
*Bremen* (Germanujo). — D. D. por Nord-Okcidenta Germanujo: Bernhard Boening, instruisto, Lützowerstr. 156.
*Conneaut* (Usono, Ohio). — D.: S-ino G. H. Thornton, 309, Buffalostr.
*Ćuprija* (Serbujo). — D.: Leopold Berger, inĝeniero de ĥemio, fabrika šecera.
*Far* (Usono, W. Va.). — D.: Clyde R. Kennedy.
*Hanover* (Usono, N. H.). — D: R. H. Colley, Dartmouth College.
*Karlsbad* (Aŭstrio, Bohemujo). — D: Vaclav Nemec, bankoficisto, Zivnostenska banka.
*Kronach* (Germanujo, Oberfranken). — D.: Willy Schmitt, juĝejasistanto, Judengasse 32.
*Lennep* (Usono, Mont.). — D.: Fred. Rognlie.
*Manhattan* (Usono, Kansas). — D.: P-ro Herbert F. Roberts, Ŝtata Agrikultura Kolegio.
*Modesto* (Usono, Cal.). — D.: S-ino Anna Jiran.
*Montauban* (Francujo, Tarn et Garonne). — D.: Léon Moissenet, ĉefinĝeniero de pontoj kaj vojoj, 29bis, Faubourg du Moustier.
*Ozegléd* (Hungario). — D.: Fodor Antal, Hitelbank.
*Portland* (Usono, Ind.). — D.: Ralph W. Steed, R. R. 12.
*Rosario de Sta-Fé* (Argentinio). — D.: Santiago Gomis, profesoro, Sta-Fé 1647.
*Sebnitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: Emil Krempler, frukt- kaj florfabrikanto, Burggässchen 1.
*Telde* (Insuloj Kanariaj). — D.: Francisko Izquierdo, fotografisto, str. San José.
*Youngstown* (Usono, Ohio). — D.: Kenneth C. Kerr, 501, Republic Bldg.

**Ŝanĝoj.**

*Brighton* (Anglujo, Sussex). — D.: L. L. Hymans, eldonisto, 16, Powis Square.
*Jurjevskij Zavod* (Rusujo, Ekaterin. gub.). — D.: A. Westermann, inĝeniero ĥemiisto.
*Metz* (Germanujo, Elzaso). — D.: Albert Levy, komercisto, rue de l'arsenal 84, II.
*Milano* (Italujo). — D.: Rolando Campostane, Corra Loreto 23.
*Washington D. C.* (Usono). — D.: John A. Sheil, 115, 4th St., N. E.

[1] Laŭ la ordinara regularo, ĉiu ciklisto devas deponi ĉe la limoficejo sumon de 12 Fr. Por membroj de UEA, tiu postulo estas do forigata.

Pro la foriro de la ĝisnuna kasisto al militservo, la C. O. de UEA serĉas novan *kasiston-libroteniston*. Postulataj: Plena kono de librotenado kaj kapablo memstare labori, sufiĉa kono de Esperanto. Kandidatoj kun franca aŭ germana kiel gepatra lingvo estas preferataj. Komenco de l'ofico: 1 januaro 1915. Proponojn kun fotografaĵo aŭ informpetojn oni sendu al: UEA, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svislando).

# Monata Bileto de UEA

La Direktoro de UEA, ofte malfruema, mendis sian kongreskarton nur je la fino de majo. La ricevita kongreskarto surhavas la N-on 3118 — kio do signifas, ke pli ol tri mil personoj jam sendis, sian aliĝon. Bela rezultato, ĉu ne! La deka kongreso estos do grandioza manifestado — pri tio oni ne povas dubi. La festoj, la distraĵoj, la amuzaĵoj, kiuj atendas la vizitontojn, estos ankaŭ brilaj — pri tio ja neniu rajtas dubi. Sed bone estus, ke malgraŭ ĉiuj tiuj allogaĵoj la kongresanoj ne forgesu la laboron. Du aŭ tri mil personoj ĉeestantaj laboran kunsidon, kies sola lingvo estas Esperanto pli serioze kaj favore impresas, ol du aŭ tri mil personoj aŭskultantaj teatraĵon. Do, eĉ el ekstera vidpunkto, ĉeestado je laborkunvenoj estas utila propagando. Sed ne sole pro tio oni vizitu ilin. La Kongreso liveras al ni ĉiuj bonegan okazon por interkonatiĝi, por interŝanĝi ideojn, por esprimi niajn bezonojn kaj niajn dezirojn. Oni ne preterlasu tiun okazon!

Kiel oni scias, la kunvenoj de UEA (krom la malferma) okazos ĉiumatene, kaj la kunvenoj de la Esperantista Kongreso posttagmeze. Apartaj tagoj estas rezervitaj por fakaj kunvenoj kaj por tuttaga ekskurso al Versailles. Ĉio estas do aranĝita tiel, ke ĉiu povu ĉeesti la diversajn kunvenojn sen malfacileco. Delegitoj, membroj de UEA, antaŭ ol ekvojaĝi aŭ dum vojaĝo, pripensu siajn dumjarajn spertojn. Certe, multaj havas proponojn, demandojn, sugestojn, eĉ — nekredeble, sed vere! — plendojn. Ili venu al la speciala ĉambro de UEA, kie reprezentanto de la C. O. ilin akceptos. Kiu intencas prezenti deziresprimon, redaktu ĝin kaj transdonu al la Kongresa Prezidanto unu aŭ du tagojn antaŭ la kunveno de UEA, ĉe kiu ĝi estas diskutota. Nur tiamaniere oni atingos ordon kaj povos fruktodone uzi ĉies laboremon.

Ĉiujn kongresanojn ni ree atentigas pri la programo de la diversaj alkongresaj kaj postkongresaj karavanoj organizitaj sub la aŭspicioj de UEA kun la helpo de la enlandaj Esperantistaj organizaĵoj. Ili ebligas veturi Parizon kaj viziti la plej belajn regionojn de Francujo en la plej bonaj kondiĉoj. Por ciklistoj UEA jus ricevis de la Ministro de la Financoj specialan favoron pri libera eniro sen alia dogana klopodo krom la montrado de la membrokarto. (Oni tiel evitas la deponon de mongarantio de 220 fr.).

En la momento kiam mi skribas tiujn liniojn, la nombro de la membroj de UEA atingas 6549. Tio estas sentebla progreso kom-

pare kun la antaŭa jaro. Sed nepre ni devas atingi la sepan milon ĝis la Kongreso. Delegitoj faru lastan penadon por varbi ankoraŭ la mankantajn centojn. Se ĉiu varbus eĉ nur kelkajn membrojn, ne la sepan milon ni atingus, sed la naŭan aŭ dekan. Do, al la laboro... *H. H.*

## ESPERANTIAJ KONGRESAJ KARAVANOJ

**Kolektivaj rabatoj ĉe la francaj fervojoj.** — La C. O. de UEA klopodis ĉe la diversaj francaj kompanioj por atingi rabaton je la organizo de kolektivaj vojaĝoj al la Kongreso. Ni ĉi-sube konigas la rezultatojn de tiuj klopodoj pri la kompanio *P. L. M.*, *Midi* kaj *Est.*

*Kolektivaj biletoj ĉe kompanio P. L. M.* — Membroj de UEA kune vojaĝantaj (minimuma nombro: 12 personoj) havos rabaton de 50 % kalkulatan laŭ la prezo de la ir-reira bileto. Ĉiuj membroj devas havi membrokarton kaj oficialan insignon. La bileto valoras tri tagojn, plus unu tagon po 100 kilometroj aŭ frakcio de 100 kilometroj. La daŭro povas esti dufoje pliilongigata post pago de 10 % de la prezo de l'kolektiva bileto. La kolektiva bileto devas esti mendata 24 horojn antaŭe (se la karavano kalkulas pli ol 40 personojn, tri tagojn antaŭe). La peto estu subskribata de la Delegito kaj entenu: 1e la nomojn kaj adresojn de la kunvojaĝantoj; 2e deklaron, laŭ kiu la Delegito atestas, ke ĉiuj vojaĝantoj plenumas ĉiujn kondiĉojn fiksatajn de la regularoj. Pri ĉiuj aliaj informoj, sin turni al la stacidomestro.

Ni atentigas niajn Delegitojn, ke la rabato konsentata al la membroj karavane vojaĝantaj estas pli alta ol la individua rabato allasata al la kongresanoj; efektive, la unua estas kalkulata laŭ la prezo de la *ir-reira* bileto, la dua estas kalkulata laŭ la prezo de la simpla ira bileto.

(Ekzemple: Genève-Paris, IIIa klaso, iro kaj reiro, kostas fr. 24.65 en kolektiva vojaĝo kaj fr. 30.80, laŭ la individua kongresa rabato.)

*Kolektivaj biletoj ĉe Kompanio Midi.* — La rabato estas 45 % en Ia kaj IIa klaso kaj 35 % en IIIa klaso, kalkulata laŭ la prezo de la ir-reira bileto. Necesa minimumo: 25 personoj. Se la karavano enhavas pli ol 40 personojn, la rabato altiĝas ĝis 50 %. Ĉiuj Delegitoj, kiuj intencas aranĝi karavanon, bonvolu informi pri tio la C. O. de UEA antaŭ la 5 julio.

*Kolektivaj biletoj ĉe Kompanio Est.* — La rabato estas 50 % kalkulata laŭ la prezo de la simpla bileto. (Nur 40 % ĉe rapidaj vagonaroj). Necesa minimumo: 10 personoj. Ĉiuj Delegitoj, kiuj intencas aranĝi karavanon, bonvolu informi pri tio la C. O. de UEA antaŭ la 15 julio.

Informoj pri la aliaj fervojaj kompanioj aperos en la proksima N-ro.

*Banurbaj biletoj.* — Ni atentigas niajn membrojn, kiuj post la Kongreso dezirus pasigi kelkajn tagojn ĉe la franca marbordo, ke la diversaj francaj fervojaj kompanioj liveras por ĉiuj iom gravaj banlokoj rabatbiletojn — individuajn aŭ kolektivajn — kiuj valoras 30 aŭ 33 tagojn. Pluajn informojn oni petu ĉe la stacidomoj.

# Esperantia Parolejo

### Oni petas!

.·. S-ro *W. Johne*, Del. en Potschappel (Saksujo), Dresdenerstrasse 28, petas senpagan alsendon de ĉiaj Esperantaĵoj por ekspozicioj dum propagandaj paroladoj. Plie, faronte vojaĝon tra Francujo li estus danka pro alsendo de francaj esp. gvidfolioj kaj gvidlibroj.

.·. S-ro *G. Alomar*, Del., Pr. de E. K. P., Palma de Malorca, str. Vallori 14, deziras ricevi gazetojn, poŝtkartojn, katalogojn, gvidlibrojn ktp., por propagandaj paroladoj kaj aranĝo de Esp. ekspozicioj.

.·. S-ro *St. Minkov*, Del. en Sofia, 49, Rue Chare Planina, anoncas, ke kelkaj urbestraroj en Bulgarujo kaj speciale tiu de Sofia, intencas eldoni esp. gvidlibrojn kaj petas ĉiujn samideanojn kaj grupojn, kiuj ĝis nun eldonis gvidlibrojn kun esp. teksto por alsendo de unu ekzemplero kiel specimeno.

.·. S-ro *J. Camescasse*, Ĉefdel. en Paris, 1bis, rue Lallier, perdis leteron kaj adreson de Esp-iano, kiu petis informojn pri la kursoj faritaj en Paris de la societo „Alliance Française", kaj petas, ke la informpetinto bonvolu reskribi. Li havas la dokumentojn petitajn.

.·. S-ro *D-ro Uhlmann*, Schönfels, anoncas, ke la granda Alpa Kuracejo kaj Sanatorio Schönfels (Zugerberg, Svisujo) montris sin inklina al Esperanto kaj jam anoncadis en Esp. gazetoj, kaj certe faros ankoraŭ pli, se oni vidas iun efikon. Tial, li petas ĉiujn samideanojn peti prospektojn, speciale Esperantajn.

### Oni laŭdas!

.·. S-ro *J. Ŝapiro*, Esp-iano en Lodz, esprimas sinceran dankon al S-ro D. Vigodski, Del. en Homel pro grava servo.

.·. S-ro *G. Alomar*, Del. en Palma de Mallorca, esprimas sian plej sinceran dankon al S-roj A. Andréassian, Del. en Lausanne, C. Polak, Del. en Svjatoŝin kaj D. de Muzonai, Del. en Szeged, pro tre kontentigaj informoj pri komercaj aferoj.

.·. S-ro *S. Sariĉev*, Esp-iano en Astraĥan, en la nomo de la Komerca Lernejo (Torgovaja ŝkola), esprimas sinceran kaj grandan dankon al S-roj J. Silbernik, Del. en New York kaj H. B. Langille, Del. en San Francisco, pro bonegaj informoj liveritaj al la Lernejo.

.·. S-ro *W. Litewka*, Esp-iano en Peterburg, korege dankas S-ron P. E. Kemp, Del. en Woolwich, pro kontentige plenumitaj servoj.

.·. S-ro *P. Tarnow*, Esp-iano en Kiel, dankas S-ro St. Minkov, Del. en Sofia, ke li devigis trompulon en Sofia plenumi jam de longe pagitan servon.

.·. S-ro *N. Riŝkov*, Del. en Kursk, esprimas koran dankon al S-roj Szabuniewicz, Del., A. A. Saĥarov, Cvjetkov, en Moskvo, pro ilia afabla akcepto kaj helpo; same S-ron V. Basov, Del. en Orel.

.·. S-ro *M. J. Medrkiewicz*, Esp-iano en Krakow, esprimas sian dankon al S-roj St. Minkov, Del. en Sofia kaj E. J. Nicolaŭ, Eksdel. en Bucareŝti pro bonegaj kaj rapide donitaj informoj.

.·. S-ro *F. Krejĉi*, Esp-iano sur la aŭstria batalŝipo „Zrinyi", en la nomo de ĉiuj Esp-ianoj sur tiu ĉi ŝipo, kore dankas al S-ro G. Wilken, Del. en Alexandrie, pro afabla akcepto kaj ĉiutaga akompano dum la restado de la aŭstria ŝiparo.

.·. S-ro *A. Jujelewski*, Esp-iano en Vilna, esprimas koregan dankon al S-ro A. Alfus, Vicdel. en Krakow, pro plifaciligo de lia restado kaj afabla helpo.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Johano Bettges*, Del. en Oberhausen, kun F-ino *Johanne Schmitz* el Duisburg-Meiderich.

**Edziĝo.** — S-ro *M. Raphaël Romano*, kiu piede iris de Parizo al Krakovo, kun F-ino *Yvonne Joly*.

**Nekrologio.** — Ni sciiĝis pri la morto de nia sindonema Del. en Avignon, S-ro *Paul Champion*, eksprofesoro de historio en la Avignon'a Liceo. Li estis agema propagandisto, fondis la grupon en Avignon, faris multajn Esp. verkojn kaj tradukojn, precipe de la ĉefverko „Mireille" de Mistral, kunlabore kun D-ro Noël.

Oni anoncas la morton de S-ro *Wilhelm Neurath*, la fervora Del. en Wernigerode-H., posedanto de la vilao „Esperanto", kie ofte estis gastigataj samideanoj.

Oni anoncas el Kristiania la morton de S-ro D-ro *S. G. Welhaven*, kuracisto, pli frue multjara Del. de UEA. Li estis 41-jara, kaj dum

sia vivo sindoneme laboris por sia malsana klientaro kaj la sociaj interesoj de sia distrikto. Li estis fervora Esperantisto kaj ĝis nun la sola kuracisto en Norvegujo, kiu skribis kaj legis nian lingvon.

Al la familioj de tiuj sindonemaj Delegitoj ni sendas la esprimon de nia plena simpatio.

# Alvokoj

## Alvoko al Studentoj!

Ni rememorigas al la Esperantistaj studentoj, ke la Dijon'a Universitato jam de pluraj jaroj sukcesplene organizis specialajn kursojn por fremdaj studentoj, kiujn jam vizitis sufiĉe multaj samideanoj. Speciale atentindaj estas la libertempaj kursoj, kiuj daŭras de la 1 julio ĝis la 31 oktobro kaj kiuj konsistas el kursoj pri la franca lingvo (literaturo, fonetiko, historio, filologio kaj komerca lingvo). Ĉe la fino de tiuj kursoj la studentoj povas ricevi la diplomon pri franca lingvo. Por enskribiĝi neniu pasporto, nek alia papero, nek diplomo estas postulata.

Ni uzas la okazon por ankaŭ atentigi, ke, dum la tuta jaro, ekzistas tiaj kursoj pri franca lingvo, kaj ke la fremdaj studentoj estas akceptataj en la normalaj kursoj pri juro, sciencoj, literaturo, medicino, farmacio. Speciale interesaj por fremduloj estas la kursoj pri enologio (vinscienco) kaj terkulturo, kiuj okazas en la Ŝtataj Enologiaj Institutoj de Dijon kaj Beaune kaj en la Beaune'a Vinberkultura Lernejo, kie lernas ĉiujare multaj ĉiulandaj (nome Rumanoj, Turkoj, Rusoj, Aŭstrianoj, Bulgaroj k. a.) studentoj kaj kies direktoro estas fervora Esperantisto.

Por ĉiuj informoj kaj por ricevi la senpagan universitatan gvidfolion oni sin turnu al la Del. de UEA en Dijon aŭ Beaune.

Ĉar ekzistas en Burgonjo multaj Esperantistoj, nome inter la profesoroj de la universitato kaj de la diritaj lernejoj, la studentoj nepre lernu Esperanton antaŭ ol veturi tien.

*Th. Rousseau,*
Distr. Del. por Burgonjo.

## Kongreso de pacifistoj Esperantistaj

Vi demandu hazarde cent homojn ĉu ili aprobas la militstaton, ĉu ili deziras ĝian daŭron, almenaŭ naŭdek respondos, ke ege ili malŝatas ĝin, ke fervore ili deziras nefiniĝontan internacian pacon.

La homoj, kiuj laboras por la paco, proponas diversajn rimedojn.

Vi iru al cent homoj; vi parolu al ili pri unu el tiuj rimedoj, almenaŭ okdek el ili esprimos ege aŭ ete malaproban opinion kontraŭ ĝi.

La du ĉi-supraj asertoj ŝajnas ne kunigeblaj, ĉar efektive ĉiu konscias ke, kiu volas atingi rezultaton, tiu akceptas uzi almenaŭ unu el la rimedoj al ĝi.

Sed tamen ili ambaŭ estas veraj: plej multaj homoj tre deziras la pacon, sed tamen ili multe emas malaprobi ĉiun rimedon paccelan ĝis nun proponitan por forigi la militeblecon.

Kaj tio estas la kaŭzo de tiu alia stranga okazaĵo: malgraŭ la multeco de l' pacamantoj, milito estas ankoraŭ ebla.

Efektive se ĉiuj, kiuj nomas sin pacamantoj, aprobus unu saman rimedon kapablan konstantigi la pacon, kaj sciigus tion, tia unuanimeco venkus ĉiujn barojn.

Konsekvence, temptaŭge estas, ke ĉiu pacamanto, kiu konscias pri la grandegaj profitoj devenontaj de packonstanteco, pri la bedaŭrindegaj malutiloj de milito, ekzamenu ĉu unu aŭ kelkaj el la diversaj rimedoj ĝis nun proponitaj por efektivigi la pacon ne estas forĵetinda malgraŭ la malagrablaĵoj, kaj eĉ la malprofitoj, kiujn ĝi, uzate, naskus.

Tial,

Parizaj Esperantistaj Pacifistoj decidis organizi fakkongreseton dum la deka Internacia Kongreso de Esperanto.

Kotizaĵo estas du frankoj, kiu rajtigas ĉeesti ĉiujn kunsidojn kaj ricevi la raporton.

Aliĝojn akceptas *F. Brossier*, 44, rue de Trévise, Paris.

*Provizora programo:*

1e Haltigo de l' armadoj (ĉiuregna, unuregna)
2e Forigo de l' armadoj (ĉiuregna, unuregna)
3e Malpligrandigo de l 'armadoj (ĉiuregna, unuregna)
4e Ribelismoj porpacaj
5e Arbitracio senescepta kaj deviga
6e Regna federacio: ĉefaj trajtoj
7e Devigrimedoj en federacio:
  *a)* Bojkotado ekonomia (Projekto Bollack)
  *b)* Militistaro internacia (Projekto Vollenhoven)
8e Diversaj projektoj de federacio (Novicow, Max Wæchter, Brogaĵota ktp.)

*Loka organiza komitato: S-roj Raguier, Lebreton, Finkelstein, Brossier, Bourreau.*

Ĉiuj gazetoj estas petataj afable represi.

## Enketo inter instruistoj

La kongreso de la franca federacio de geinstruistoj, kiu okazos en venonta Aŭgusto, diskutos demandon tre gravan por ni francaj geinstruistoj.

Tio estas la gardservo dum la intertempo inter la matena kaj la posttagmeza laborklaso.

La kolego komisiita por fari raporton, kaj alcentrigi ĉiujn sciigojn pri tiu temo, rilate al la aliilandaj lernejaj organizadoj, petis mian helpon.

Mi estus tre feliĉa, se instruistoj konsentos respondi la jenan demandaron. Antaŭe mi tutkore dankas al vi kaj certigas vin pri miaj plej koraj sentoj.

*J. Aizière*, instruisto,
prezidanto de Esp. grupo, membro de UEA,
*Alfortville* apud Parizo.

*Demandaro*

1e Nombro da labortagoj kaj ripoztagoj semajne?
2e Daŭro kaj horoj
  *a)* de matena klaslaboro?
  *b)* de posttagmeza klaslaboro?
3e Kiom da lecionhoroj ĉiusemajne?
4e De kiam la leĝo trudas la devigajn lecionhorojn?
5e Ĉu la geinstruistoj devas gardi la lernantojn
  *a)* antaŭ la matenaj lecionoj?
  *b)* inter la matenaj kaj posttagmezaj lecionoj?
6e Ĉu ekzistas organizado por lerneja manĝado? En kia loko tiu lerneja tagmanĝo okazas? Kiu zorgas pri la lernantoj dum la manĝado?
7e Krom la lecionhoroj ĉu oni trudas al la instruisto
  *a)* aliajn lernejajn servojn?
  *b)* nelernejajn servojn?
8e Montru la daton de la leĝoj aŭ oficialaj regularoj, kiuj organizas tiujn servojn?

Bonvolu respondi plej precize montrante la oficialajn tekstojn rilatajn 1e al la urbaj lernejoj, 2e al la kamparaj lernejoj.

# Reciproka Informado

## Demandoj

41. Kie oni povas aĉeti fonografan diskon kun nia himno „Espero"? Kiom ĝi kostas? — E. E. 420.

42. Mi deziras adresojn de gazetoj pri fotografado, france, itale aŭ Esperante. — M. 3492.

43. Kiaj estas la titoloj kaj prezoj de lernolibroj pri patrolanda historio uzataj en la popolinfanaj lernejoj en Anglujo, Germanujo kaj Aŭstrio? — M. 2322.

44. Kiam en japana lingvo oni uzas la Katakanan kaj kiam la Hiraganan alfabeton? — M. 2322.

45. Ĉu ekzistas maŝino por fabriki ĉiuspecajn longajn ŝnurojn, kiu ebligas fari tiujn ŝnurojn ne havante longajn spacojn disponeblajn? — M. 2715.

46. Kiu estas la plej rekomendinda gazeto spiritisma en Esperanto? — M. 4147.

47. Kiu povas montri adreson de firmo en Aŭstrio-Hungario, komercanta bovajn, ŝafajn eŭ kaprajn kornojn, kaj firmo komercanta ĉiuspecajn ostojn? — M. 4147.

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

27 (128). König-Friedrich-August-Hütte en Potschappel, Gussstahlfabrik en Döhlen (Skribu Esp. aldonante la adreson de la Dei. por traduki). — M. 1771.

28 (128). „Franca Gramatiko por Esperantistoj", 1907, de S-ro P. Boulet, 80, Bd. du Prince Albert, Boulogne sur Mer (Franc.). Tie ricevebla. — M. 1564.

30 (128). Petu la redakcion de la „Deutsche Schuhmacherzeitung" en Leipzig. — M. 1771.

40 (158). Eminentulo specialisto de nazmalsanoj estas S-ro D-ro A. Mermod, profesoro en la Universitato de Lausanne (Adr.: Villa Chaumény, Mousquines, Lausanne). — M. 4568.

# REKLAMO

# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

## GENÈVE 10, RUE DE LA BOURSE GENÈVE

### Ekstraktoj el la katalogo:

En la suba listo oni trovos la plej bonstilajn verkojn de la Esperanta literaturoj Ni rekomendis nur tiujn verkojn, kies stilo estas neriproĉinda kaj kiuj estas inda esti en la biblioteko de ĉiu bona Esperantisto.

**INSTRUADO, HISTORIO:** Prezo (afranke Fr)

| Verko | Fr |
|---|---|
| **Fundamento de Esperanto,** kvinlingva, de D-ro ZAMENHOF. Broŝ. | 2. 20 |
| Kun kartona kovrilo | 2. 75 |
| **Klasika Libro.** Oficiala Gramatiko kaj Radikaro en poŝformato. Kun ingo | 1. 35 |
| KABE. — **Vortaro de Esperanto.** Luksa, 176 p. Kun kartona kovrilo | 4. 50 |
| CH. VERAX. — **Enciklopedia Vortareto Esperanta.** Luksa, 250 p. | 6. 70 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Lingvaj Respondoj.** 2 volumoj (ĉiu) | 0. 80 |
| Ed. PRIVAT. — **Karlo.** Facila rakonto en 20 ĉapitroj, 5a eld., 36 p. | 0. 50 |
| Ed. PRIVAT. — **Kursa Lernolibro.** Instruilo per parola metodo, 64 p. | 0. 50 |
| KABE. — **Unua Legolibro.** Gradigitaj legaĵoj, 4a eld., 180 p. | 2. — |
| D-ro A. FIŠER. — **Esperanta Legolibro.** 2a eld., 116 p. | 0. 90 |
| Z. ADAM (A. Zakrzewski). — **Historio de Esperanto** (1887 ĝis 1912). 144 p. | 2. 30 |
| Ed. PRIVAT. — **Historio de la lingvo Esperanto.** Popola eld., 54 p. | 1. 25 |
| B. KOTZIN. — **Historo kaj teorio de Ido.** 144 p. | 1. 50 |
| R. DE LADEVÈZE. — **Demandaro pri la historio, literaturo kaj organizaĵoj de Esperanto** (por Esperantaj ekzamenoj) | 1. 50 |
| P. FRUICTIER. — **Esperanta Sintakso,** 75 p. | 1. 60 |
| P. FRUICTIER. — **Esperanta Vortfarado** laŭ la fundamento, 115 p. | 2. 15 |

**LITERATURO:** Prezo (afranke) Fr.

TRADUKOJ:

| Verko | Fr. |
|---|---|
| **La Nova Testamento.** Eldonita de la Brita Biblia Societo. 614 p. Bind. | 2. 25 |
| Bind. kun nigra ledo | 2. 75 |
| Luksa | 4. — |
| D-ro ZAMENHOF. — **Fundamenta Krestomatio.** 460 p. | 3. 75 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Hamleto.** Tragedio de *Shakespeare.* 170 p. | 2. 30 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Ifigenio en Taŭrido.** Dramo de *Gœthe.* 108 p. | 2. 30 |
| D-ro ZAMENHOF. — **La Rabistoj.** Dramo de *Schiller.* 144 p. | 2. 30 |
| D-ro ZAMENHOF. — **La Revizoro.** Komedio de *Gogol.* 100 p. | 1. 75 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Marta.** Rakonto de *Eliza Orszesko.* 238 p. | 3. — |
| M. F. ZAMENHOF. **Proverbaro Esperanta.** 82 p. | 2. — |
| FOREL. — **Kultur-celadoj de la nuntempo.** 50 p. | 1. 25 |
| A. GRABOWSKI. — **Kondukanto kaj Antologio.** 180 p. | 2. 25 |
| KABE. — **La Faraono.** Romano de *Prus.* Tri volumoj. (ĉiu) | 2. 60 |
| KABE. — **Patroj kaj filoj.** Romano de *Turgenjev.* 166 p. | 3. — |
| KABE. — **Fundo de l' Mizero.** Romano de *Sieroŝevskij.* 91 p. | 0. 85 |
| KABE. — **Pola Antologio.** 2a eld., 154 p. | 2. 20 |
| S. MEYER. — **Karmen.** Romano de *Mérimée.* 56 p. | 1. 35 |
| RAMO. — **Fabiola.** Romano de Klo *Wiseman.* 428 p. | 4. 35 |
| RAMO. — **En Svislando.** Rakontoj de svisaj aŭtoroj. 104 p. | 2. — |
| D-ro VALLIENNE. — **Eneido,** de Virgilio. 274 p. | 3. 35 |

ORIGINALAĴOJ:

| Verko | Fr. |
|---|---|
| H. A. LUYKEN. — **Paŭlo Debenham.** Romano. 228 p. | 2. 80 |
| H. A. LUYKEN. — **Mirinda amo.** Romano. 295 p. | 3. 60 |
| H. C. MEES. — **La kaŭzo de senlaboreco.** 58 p. | 1. 40 |
| Ed. PRIVAT. — **Pri Esperanta Literaturo.** Parolado. 24 p. | 0. 80 |
| Ed. PRIVAT. — **Ginevra.** Lirika dramo. 48 p. | 1. 25 |
| Ed. PRIVAT. — **Tra l' Silento.** Poemoj. Lukse eldonita | 1. 50 |
| D-ro SCHULHOF. — **Poemaro.** Tri volumoj. (entute) | 1. 50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Kastelo de Prelongo.** Romano. 450 p. | 4. 50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Ĉu li?** Romano. 450 p. | 4. 50 |

MUZIKO:

| Verko | Fr. |
|---|---|
| K. JOST. — **Esperantista Kantaro.** 17 liedoj. 40 p. | 1. — |
| **Esperantista Kantaro.** 2a eld., 10a milo. 72 p. | 0. 75 |

INSIGNOJ, FLAGOJ:

| Objekto | Fr. |
|---|---|
| **Oficiala insigno de UEA.** — Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1. 15 |
| Butono | 1. 45 |
| Por Delegitoj. Pinglo, broĉo aŭ butono | 1. 25 |
| **Esperantista insigno** (modelo Gasse). Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1. — |
| Butono | 1. 25 |
| Kravatpinglo | 0. 85 |
| Ĉeninsigno | 1. 75 |
| **Esperantista flago.** 25 × 16 cm. | 0. 75 |

*ATENTU! — Ĉiuj verkoj supre notitaj estas sendataj afrankite. Por rekomendo aldonu 25 ct.*

